# PENSEO

N-ro 195

Jan. / 2008

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 19-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Feliĉan kaj Ĝojan Novjaron!

## Novjaraj Deziroj

Jam en pasinta jaro,
Multegon ni rikoltis:
En publikigo de e-libroj,
En tradukad' de beletraĵoj,
En ĝarden' ĉineska,
Kaj nia sepa e-kongreso.
Je l' sojlo de la nova jaro,
La granda Olimpika Jaro ĉina,
Mi volas elkore deziri,
Ke pli vigliĝu niaj tradukantoj kaj verkantoj,
Ke plue ni antaŭen marŝu
Anstataŭ kuŝi sur la laŭroj,
Ke ni produktu pli da verkoj,
Ke ĉineskistoj verku da poemoj pli abunde,
Ja kiel ormedalojn niaj sportistoj akiros,
Ke…

Ĉefredaktoro Vejdo



## Eksplodsono en Salono

**Bai Xiaoyi**

Infektinte teon, la mastro metis tetasojn sur tableton antaŭ gastoj, kaj tinte kovris la tasojn per kovriloj. Ekpensinte pri ion, li starigis la termobotelon sur la tero kaj hasteme eniris la ĉambron. Tuj aŭdiĝis sonoj de malfermado de ŝranka pordo kaj priserĉado en ŝranko.

La gastoj, patro kaj filino, atendis en la salono. La dek-jara filino spektis florojn, starante ĉe fenestro. Kiam la fingroj de la patro apenaŭ tuŝetis la maldikan tenilon de la taso, subite sonis eksplodado kaj sekvis malesperaj disrompiĝaj kraketoj.

Okazis, ke la termobotelo falis sur la teron. Surpriziĝinte, la knabino tuj turnis sian kapon. Kvankam la afero estis simpla, tio ŝajnis tre stranga, ĉar neniu el patro kaj filino vere tuŝis ĝin. Kiam la mastro ĝin metis tien, ĝi iome ŝanceliĝis, sed ĝi ne falis.

La krakego elirigis la mastron el la ĉambro. Kun skatolo da kuba sukero, li subkonscie ĵetis ekrigardon al la vaporleviĝanta tero, dirante senkulpige, "Ne gravas! Ne gravas!"

La patro volis eligi kelkajn vortojn, sed bridis la buŝon.

"Pardonon al mi," li diris, "estas mi, kiu puŝis ĝin."

"Ne gravas," la mastro ripetis la pardoneman frazon.

Forlasinte la hejmon de la mastro, la filino demandis, "Ĉu vi vere ĝin tuŝis, paĉjo?"

"… mi estis plej proksima al ĝi," diris la patro.

"Sed vi ne tuŝis ĝin! Tiam mi ĝuste pririgardis vian figuron sur la fenestra vitro. Vi neniom moviĝis."

La patro ekridetis. "Do, kion mi faru, laŭ via opinio?"

"La termobotelo falis per si mem. La planko ne tute estas ebena. Kiam onklo Li starigis ĝin

sur la planko, ĝi senĉese skuetiĝis kaj pro tio ĝi mem falis. Paĉjo, kial vi diris, ke vi…?”
“Ĉu tion onklo Li povus vidi…”
“Vi povus diri al li la veron.”
“Neeble. Mia infano,” diris la patro, “se mi diras, ke mi tuŝis ĝin, tio aŭdiĝis nature. Kelkfoje, oni simple ne komprenis, kiel okazis la afero. Ju pli vi priskriba la aferon laŭ la fakto, des pli via klarigado ŝajnas malvera kaj des malpli oni kredas vin.”
La filino silentis longe. “Ĉu vi devas fari tiamaniere?”
“Jes.”

elĉinigis Samio

## Haiĉjo

### Mi Ploras

Mi ja ploras por vi
Nia belkolombo
Ŝajne ve en tombo

Iam vi ekaperis
Brile kiel oro
Ve nun vi velfloro

Ni ankoraŭ ploras
Por nia long-atendo
Kaj ŝia revivendo

2006-10-20

## La Knabo, Kiu Aĉetis Dion

Kun monero de unu dolaro en mano, knabo pridemandis al unu butiko post alia laŭ la strato, “Ĉu Dio aĉeteblas ĉe vi?” Aŭ neante aŭ prenante lin kiel ĝenanton, vendejmastoj senescepte forpelis lin el la vendejoj senrezone.
Proksime al vesperiĝo, lin akceptis varme la mastro de la dudek naŭa butiko, kiu aspektis kiel maljunulo je la aĝo de pli ol sesdek jaroj, kun arĝenta hararo kaj afabla mieno. Ridetante, li demandis al la knabo, “Rakontu al mi, knabo. Pro kio vi aĉetas Dion?”
Larmante, li rakontis al la maljunulo, ke li nomiĝas Bundi, ke liaj gepatroj jam mortis, kaj ke li estas nutrata de sia onklo Patelupu. Lia oklo, kiel konstrulaboristo, falis el skafandro antaŭ nelonge, kaj restis senkonscia ĝis nun. La kuracisto diris, ke nur Dio povus lin savi. Bundi pensis, ke Dio certe estas mirindaĵo, kaj ke se li aĉetos Dion kaj manĝigos ĝin al sia onklo, tiu resaniĝos el la vundo.
Kun malsekaj okuloj je larmo, la maljunulo demandis, “Kiom da mono vi havas?”
“Nur unu dolaro.”
“Nun la prezo de Dio estas ĝuste unu dolaro!” Akceptinte la moneron, li de bretaro botelon da trinkaĵo kun marko “Kiso de Dio”. “Ĝin prenu, infano. Post kiam via onklo trinkos ĉi tiun botelon da ‘Dio’, li trafos nenian danĝeron.”
Tute ekster si de ĝojo, Bundi, kun botelon en la sino, rapidis al la hospitalo. Enirinte la malsanulejon, li gaje kriis, “Oĉjo. Mi jam aĉetis Dion, kaj vi tre baldaŭ resaniĝos.”
Post kelke da tagoj, kuracada taĉmento konsistanta el elitaj medicianj ekspertoj de la mondo venis al la hospitalo kaj konsiliĝis pri la vundo de Patelupu. Ili, per la plej antaŭirintaj medicinaj teknikoj, fine resanigis lian vundon.
Kiam li elhospitaliĝis, li preskaŭ svenis timigite je la vido de la enorma pago al kuracado. Tamen la respondeculo de la hospitalo diris al li, ke maljunulo jam kovris la tutan pagon por li. La maljunulo estas miliardulo. Post kiam li eksiĝis el la posteno de prezidanteco de transnacia kompanio, li loĝas ermite en la urbo kaj pasigas sian tempo

per funkciigado de butiketo. Estas li, kiu dungis tiun kuracadan taĉmenton per granda pago.

Ekstreme ekscitite, li kun Bundi iris por danki al la maljunulo, sed tiu jam forvendis la butikon kaj vojaĝis eksterlanden.

Poste, Patelupu ricevis leteron skribitan de la maljunulo. La letero diris, "Junulo, vi ja estas tre bonŝanca havi la nevon Bundi. Por savi vin, li iris tien kaj ĉi tien por aĉeti Dion per monero de unu dolaro…. Estas li, kiu savis vian vivon, sed nepre memoru: la vera Dio estas la homa amo!"

elĉinigis Hongjia

# Ĉineske

## Miĉino

### Malĉipa Pugo

— laŭ ĉinesko Flirta Kanto*
(2007-12-05)
Pugo, pugo,
eĉ en ofic-flugo
ankaŭ rangojn havi
ne forgesis pavi.
Vipa, vipa
draŝ' al luks' malĉipa.

**Flirta Kanto (Tiaoxiaoling): ĉina fiksforma poemo el ses versoj de 4, 6; 6, 6; 4, 6 silaboj, laŭ rimaranĝo de aa,bb,cc. La 4-silabaj versoj konsistas el du ripetaj vortoj. Kaj la unua vorto de la kvina verso devas esti el palindrome ordigitaj silaboj de la lasta vorto de la kvara verso. ekz. rimi-miri; mora-arom; nomo-mono; roso-soro.*

## Cindy Mckee

### Al Sinjoro Vento

—laŭ ĉinesko Yexingchuan*
subite ŝtormo pasas
de nordo
kiu blovas
freŝa vento
sen kolero
ŝtormoj ĉiam pasas
kapablaj sentoj fluas
nur homo
fulm' estingas
homa vento
kun espero
stelojn sunon portas



## Imre Szabo

### Sentitole

—laŭ ĉinesko Yexingchuan

(1)

grizajn nubojn ekpelas
aŭtuno
ventoj ŝvelas
en la foro
eta arbo
esperon ribelas

mi neniam koleras
neniam
mi koleras
per memoro
vin mi verdas
obstino nur veras

(2)

Tra nokta ŝipvojaĝo
ĉeestis
stelobraĝo,
lunvualo
akvonigre
lulis mola naĝo

ekvibris malkuraĝo
por montri
sin kuraĝo
mi vin tuŝis
mi vin gajnis
en tiu vojaĝo

## Vejdo

### Al s-ro Imre Szabo

—laŭ ĉinesko Yexingchuan

hej, poeto abela
hungara
altnivela
donas al ni
ĉineskversojn
kun pejzaĝ' fabela

poemo via bela
priskribas
per lumhela
zorga tuĉo
versimilon
de kreaĵ' ĉiela

**Yexingchuan (nokta ŝipvojaĝo): ĉinaj fiksforma poemo el du strofoj po 6 versoj de 7,34,446 silaboj, laŭ rimaranĝo a,xa,xxa (x = senrima)*

## Omaĝe al Kara Tikos

### Je lia centjara naskiĝtago

—laŭ ĉinesko Dielianhua*

1.
ĉihore volas kun am'
mi omaĝi
versojn de deklam'
al vi, movada dinam'
pro via laŭdata fam'

vi honesta sen ornam'
restis nur por
nia movad' jam
kvankam sola sen team'
vi nutris ĝin per fajr-flam'

2.
ankoraŭ mi en memor'
tenas bildon
de via labor'
pena kun arda fervor'
por movada brila glor'

ho, nia kara sinjor'
ni ja ĵuras
decideme por
daŭrigo de via vol'
fidela kun verda kor'

**Dielianhua (papilio super floroj): ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 5 versoj de 7,45,7,7 silaboj, laŭ rimaranĝo a,xa,a,a (x=senrima)*

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm
◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

# PENSEO

N-ro 196

feb. / 2008

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 19-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Vejdo

### Printempo 2008 sub Neĝŝtormo

Printemp' ĉijara sub neĝŝtorm', tragika
kaj impona,
popolo ĉina kunklopodas kontraŭ l'
plag' sentime.
Sub blanka pezo l' kora fajr' eruptas
eksterlime,
Forlekos blankan la demonon ja sen
sent' pardona.

Neĝŝtorm' obstakle baras tute al
relvoj' vagona,
Strangolas homojn je la gorĝkanalo
malestime.
Printemp' ĉijara sub neĝŝtorm', tragika
kaj impona,
popolo ĉina kunklopodas kontraŭ l'
plag' sentime.

Konkeri volas la popolo per klopod' sindona
fantomon blankan sinergie kaj unuanime.
Leviĝu sanktaj homoj brave, glore,
sendeprime!
Batalu senkompate kontraŭ la rigor' sezona!

Printemp' ĉijara sub neĝŝtorm', tragika
kaj impona.



## Mao Zifu

### Funebre al Sinjoro Jiang

vi ne estas eksterterglobano,
kial teni la oksigensakon
sur la dorso,de la nordo ĝis la sudo?
la aeron vi sentas maldensa
aŭ mision super via koro ŝarĝi?
vi neniam la piedojn priatentas;
kun rigardo supren,la nealta
korpo jam forlasas spurojn de giganto.

rajde sur la neĝa gruo,vi forflugas
kun nenia bruo. la somato kuŝos
sub nulpunkto, plu akceptos tranĉon
de praktiko. efektive, jam sufiĉas
via testo - vento prujno neĝo pluvo...
vi remaĉas ilin spite la dentaron.
kial ne cindriĝi kaj kun vento
malaperi? ho, spirito la solida
volas resti flago ĉiam ŝtala.

vetero nulgrada. la tro pulsa koro
igas semojn senti fajran ardon.
nepre ili breĉos la glacion
per la sango heredita kaj starigos
la standardon sur la monto,
kiun vi kreas per propraj karno kaj ostaro.

20080109



# Rimportretoj

## Guozhu

### Estimata Avo Jiang

(2008-01-09)

Jiang Zuyue — av' kun granda amo
luktas por nia lingv' dumvive,
modele movadas aktive.
En koro ĉiam ardas flamo.
Li ofte biciklis laŭ tramo
senlace instruis kreive.
Jiang Zuyue — av' kun granda amo
luktas por nia lingv' dumvive.

Cirkulis tra lando bonfamo:
Dissemis li semojn kultive.
Sekve nun ni ĉiuj motive
lin gloru per laŭda aklamo:

Jiang Zuyue — av' kun granda amo!

### Mao Zifu

Mao Zifu, heroa Anteo
en Esperantujo elito.
Kvankam katenita en lito,
Stelo debutis el Penseo.

Batali kun nenia veo
kaj lukti per forta spirito.
Mao Zifu, heroa Anteo
en Esperantujo elito.

Grimpi al muza apogeo,
konkeri per granda merito
brilan famon kia en mito.
Vivo fariĝis epopeo.

Mao Zifu, Kanto de Anteo!

### Liu Weizhuang

Liu Weizhuang ŝajnas infanaĝa,
multe faras, multe eraras,
mempage laboron malŝparas.
Sed li ankaŭ estas kuraĝa,

kontraŭ la fenomeno aĉa
propone reformon deklaras.
Liu Weizhuang ŝajnas infanaĝa,
multe faras, multe eraras.

Bonvene al gasto vojaĝa,
nokte ĉe stacio li staras,
atende tardan trajnon flaras.
Penado por li estas plaĉa.

Liu Weizhuang ŝajnas infanaĝa...

### Vejdo

Vejdo kutimas pacience
fosi nian sulkon senbrue
kaj servas rete asidue,
tradukis Bakin kvintesence.

Por ĉina movad' konscience
eLernon masonas konstrue.
Vejdo kutimas pacience
fosi nian sulkon senbrue.

Penseon buntigas intence,
ĉineskojn versas kontribue,
eLibrojn redaktas instrue,
kvin miloj membras rekompence.

Vejdo kutimas pacience...

### Armand Su

Armand Su kantas plej sincere:
"Mi amas vin, bela Ĉinio!"
Leviĝas stel' de poezio.
Aklamoj postsekvas ofere.

Sed li devis vivi karcere
dek kvin jarojn pro kalumnio.
Armand Su kantas plej sincere:
"Mi amas vin, bela Ĉinio!"

Tamen li versis eĉ parkere
en prizona situacio,
senplume memori pri ĉio.
Laŭdindas nobla virto vere.

Armand Su kantas plej sincere.
(1988-11-18)

## Vejdo

### Guozhu

I.
Guohu, patro de ĉinesk' amema,
iniciatinto diligenta,
per kreiva kapablo talenta,
ĉiam penas en ĝarden' poema.

Li kultivis kun klopod' prisema
pra-ĉinekajn idojn zorgosenta.
Guozhu, patro de ĉinesk' amema,
iniciatinto diligenta,

la novulojn por prosper' verdgema
elbakadas kun saĝec' prudenta,
cele al perfekto fin-momenta,
daŭre marŝas jen per forto rema.

Guozhu, patro de ĉinesk' amema.

II.
Guozhu, de vulp-feoj la fleganto,
tradukadis *Liaozhai* kun fervoro.
Mirrakontojn, kun zorgema koro,
li volvis per vest' de Esperanto.

Ĉizis, pec' post peco, li en kvanto
kvin cent ŝvita, pena en laboro.
Guozhu, de vulp-feoj la fleganto,
tradukadis *Liaozhai* kun fervoro.

Fosis li senhalte en konstanto
el la ĉina kultura trezoro
diligente, pene, sen langvoro,
por E-lingv' de fajna eleganto.

Guozhu, de vulp-feoj la fleganto.

III.
Guozhu, senlaca verkant' fruktdona,
verkas, skribas vere kaj sincere.
Laŭdas bon-aferojn li prefere,
pikas mavon li per bat' bastona.

Popularas lia lingvo bona,
oni legas ĝue, laŭlitere.
Guozhu, senlaca verkant' fruktdona,
verkas, skribas vere kaj sincere.

Kiel erudito ĉiokona,
Li verkadis vole kaj libere,
Serioze aŭ prikonsidere,
por movado espera, impona.

Guozhu, senlaca verkant' fruktdona.

IV.
Guozhu, elokventa oratoro,
kuraĝigas kaj inspiras vere
aŭskultantojn per parolvaloro,
kiu fluas el la kor' rivere.

Por afero nia, kun favoro,
li pledadas firme kaj ŝtalfere.
Guozhu, elokventa oratoro,
kuraĝigas kaj inspiras vere.

Paroladas li kun varma koro,
Ovacioj ondas enaere
kaj aplaŭdoj krakas prospere,
dank' al liaj pio kaj fervoro.

Guozhu, elokventa oratoro.

V.
Guozhu, la rima pentrist' elstara,
por amikoj verdaj de intimo,
pentras bildojn jen per versa rimo,
kun profilo delikata, klara.

Bildoj de l' personoj ordinaraj
povas veki fervoron sen limo.
Guozhu, la rima pentrist' elstara,
por amikoj verdaj de intimo,

pentras bildojn per ektuĉo kara,
per la kolorriĉa vers-esprimo,
kun elkora, sincera estimo,
kun favor' al ili senkompara.

Guozhu, la rima pentrist' elstara.

# Ĉineske

## Vejdo

### Brila Stelo Falas

funebre pri la forpaso de Claude Piron
—laŭ ĉinesko Dekses-Silabo*

stel'
brila falas el ĉiel'
subite
plumbe sen ŝancel'

for
la gigant' de verda glor'
forpasis
en ĉi grava hor'

ve
al ni, heroa pere'
nin spronas
per intern-ide'

vi
foriris el famili'
sed restas
via lumradi'

*Dekses-Silabo: ĉina fiksforma poemo el kvar versoj de 1, 7, 35 silaboj laŭ rimarango aaxa (x=senrima)

## Eto

### Amo sen Formo

funebre pri s-ro Jiang Zuyue
— laŭ ĉinesko Busuanzi*

al verd-afero
kun granda amo
vi flegis e-movadon
per zorga gamo

vi puŝis, tiris
kiel dinamo
sanktan entreprenon kun
via bonfamo

*Busuanzi: ĉina fiksforma poemo el du strofoj por kvar versoj de 55,75 silaboj laŭ rimarango xa, xa (x=senrima)

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm
◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

PENSEO

N-ro 197

marto / 2008

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 19-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

# Rimportretoj

## Guozhu



### Arka

Arka, montpinto en mateno*
siluetas je dokta belo.
Ĉiam strebo por nova celo,
nova ating' per nova peno.

Homa vivo estas areno,
ne mankas missorta kruelo.
Arka, montpinto en mateno
siluetas je verda belo.

Songôjn realigas en beno
ŝi per diligent' de abelo
kaj persistemo de kamelo,
ĝis pompa doktoriĝsoleno.

Arka, montpinto en mateno!

* Laŭsenca traduko de ŝia nomo



### Wei Shan

Wei Shan, vaganta kavaliro,
sendependa en mens' kaj ago,
batalas sub verdstela flago,
lerte aŭkcias per inspiro.

*Help' al Tibet'*, bela aspiro,
realiĝis post milzigzago.
Wei Shan, vaganta kavaliro,
sendependa en mens' kaj ago.

Li ofte per justa rapiro
batas kontraŭ insida sago
de maskuloj kiel repago.
Brave! aklam' kun admiro:

Wei Shan, vaganta kavaliro!



### Ĉinso

Ĉinso, kun mano majstre lerta,
scipovas preskaŭ ĉion fari
kaj strebadon neniam ŝpari.
Multfake li montris sin sperta,

pri komputil' ankaŭ eksperta,
ĉu uzi, flegi aŭ ripari.
Ĉinso, kun mano majstre lerta
scipovas preskaŭ ĉion fari.

Pro multjara servado verda:
stencili, tajpi, menuari,
kaj pentri, belskribi, muari...
lia merito estas certa.

Ĉinso, kun mano majstre lerta.



### Even

Even preĝas sub kokosarbo
sudmare en Hainan-insulo.

Akompanas lin himne hulo
kaj sankte Zamenhofa harpo.

Fondusis Penseon per farbo
li laŭ mecenata kalkulo.
Even preĝas sub kokosarbo
sudmare en Hainan-insulo.

Instruas li rete per varbo
de kursanoj, fortakumulo
por devo, misio, stimulo
al Movado per pieckarbo.

Even preĝas sub kokosarbo.



## Li Jun

Li Jun kabeis senrevene,
bedaŭrinde ĉi veterano,
soldato kaj kompartiano,
miskulpigita ekzamene.

Pri UK li versis revplene,
kun fantazio en elano.
Li Jun kabeis senrevene,
bedaŭrinde ĉi veterano.

Stencile li presis multpene,
en jardeko de uragano.
Sed ĉio lia iĝis vano,
fine elreviĝis ĉagrene

Li Jun kabeis senrevene.



## Miaohui

Miaohui, E-kurson gvidas pie
en Templo de Multa Trezoro.
Kursanoj lernas kun fervoro
internacie harmonie.

Tradukas fablojn religie,
al budaismo kun adoro.
Miaohui, E-kurson gvidas pie
en Templo de Multa Trezoro.
Kaj venas ankaux devkonscie
prelegi fremda profesoro.
Efike per reta laboro
nun propagandi energie,

Miaohui, E-kurson gvidas pie.



## Ardo

Ardo aktivas sur loeso,
fosi sulkon per verda ŝpato,
pri beletro ĉiam kun ŝato,
Esperanto por vivneceso.

Versi ĉineskojn en progreso.
Ĉinnome ŝajnas mia frato.
Ardo aktivas sur loeso,
fosi sulkon per verda ŝpato.

Ni kunlaboras en kongreso,
por novlibroj iniciato.
Ĉio iras en orda glato.
Por ankoraŭ nova sukceso,
Ardo aktivas sur loeso.



## Arbsemo

Arbsemo, kun verdo en koro,
Esperanton ĉie dissemas,
prelege pri helplingvo temas,
edife pri inda furoro.

Aŭ en hotela koridoro,
babile propagandi emas.

Arbsemo, kun verdo en koro,
Esperanton ĉie dissemas.

Interrete daŭas laboro:
Enhavoriĉa blogo gemas.
Revo pri arbariĝo kremas,
kaj rekompencos per favoro.

Arbsemo, kun verdo en koro.



## Lin Liyuan

Lin Liyuan planas pri Kongreso
Ŝafurba, por movad-prospero,
malgraŭ Aĉova interfero,
subfos', nejusta malpermeso.

Stimuli per koma senĉeso
LKK por rekord-konkero.
Lin Liyuan planas pri Kongreso
Ŝafurba, por movad-prospero.

Ĉia programo al progreso
sub la signo de La Espero.
Per komuna fortofedero
realiĝas plena sukceso

laŭ plan' de Liyuan pri kongreso.

## Seimin

Seimin tradukis silente
en Ruĝfunebra Kabineto.
*Ruĝdoma Songĝo* en kompleto
fine aperis monumente.

Pri vanta fam' indiferente,
vivas ermite en hermeto.
Seimin tradukis silente
en Ruĝfunebra Kabineto.

Edukis filinon atente
ekde ŝia tempo de feto
denaska esperantisteto.
Plensukcesis eksperimente.

Seimin fruktdonis silente.



## Bingxin

(1900-10-05/1999-02-28)
Bingxin-glacie pura koro*-
amata avino centjara,
al infan-legantaro kara
ĉiam leteris kun fervoro.

Ŝia homeco kaj laboro
modelas per honesto rara.
Binxin-glacie pura koro-
amata avino centjara.

Kaj ŝi surskribis je favoro
vorton pri Esperant' deklara.**
Vamra subteno malavara
vivos en nea karmemoro.

Bingxin-glacie pura koro!

**Laŭsenca trad. de ŝia nomo.*
***En 1994 Bingxin surskribis:*
*Se vi komprenas Esperanton,*
*vi komprenas la tutan mondon.*



## Li Yuping

Li Yuping servis en Pekino.
Pro ŝia laboro per-sona,
kaj ĉarma kvalito persona
iĝis fama parolistino.

Aŭskultantoj serĉas sen fino,
laŭdas ŝin amikino bona.

Li Yuping servis en Pekino
per sia laboro per-sona.

Ni amikiĝis laŭ destino
post unua vid' interkona.
Ligoj reta kaj telefona
vartas amikecon verdpino.

Li Yuping, kara en Pekino!

## Zensto

Zensto, ĉiam sub verda stelo,
semi, disvastigi, utili,
majstre neniam krokodili,
plej konvinke kiel modelo.
Por Esperanta nobla celo,
disaŭdigi, trejni, kompili.
Zensto, ĉiam sub verda stelo,
semi, disvastigi, utili.
Dumvive lukti en fidelo,
mentore sincere konsili.
Okdek kandeloj lin jubili
per ruĝe brila sankta helo.
Zensto, ĉiam sub verda stelo.

## Li Naixi

Li Naixi, kara pioniro,
multon fondis per karito,
por ĉina movad' grandmerito.
Kial vanas verda aspiro,
Nuliĝis revo, bondeziro?
Kia vund' al ĉi emerito!
Li Naixi, kara pioniro,
multon fondis per karito.
Kritik' lia kiel rapiro,
malkaŝema al hipokrito,
sen eviti eĉ pri nomcito.
Ni memoras lin kun admiro,
Li Naixi, kara pioniro.

## Wen Jingen

Wen Jingen ne povas kompreni
kial tiom multa disputo,
kial tiom ofta diskuto,
ĉiam Esperantistojn ĝeni,
ĉiam krokodile ĉagreni,
ĉikane eĉ kontraŭ saluto.
Wen Jingen ne povas kompreni
kial tiom multa disputo.
Ĉiujare li vokas peni
por IKU --- eĥas nur muto.
Do li favoras al rekruto
per facila legaĵo beni.
Wen Jingen esperas kompreni.

## Hoikso

Hoikso ne estas la Ikso.
Ne nur pli juna, sed pli bona,
pli verdkora, kaj pli sindona.
Pen' kaj gaj' en konkorda mikso.
Senlaborul' iĝis fenikso.
Aŭtoro tridek-leciona.
Hoikso ne estas la Ikso.
Ne nur pli juna, sed pli bona.
Pro verdaj vojaĝoj sen fikso,
kaj pro bela blogo persona,
multlande li estas famkona.
Ni rakontu do kun elipso:
Hoikso ne estas la Ikso.

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

**PENSEO**

*N-ro 198*

*aprilo / 2008*

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski, 1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 19-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

# UNU DUELO

verkita de **Maupassant**

esperantigita de **Lin Leming**

La milito finiĝis; la germanoj okupis la Francion; la lando tikis kiel gladiatoro venkita, falinte ĉe la genuoj de la venkinto.

La unuaj trajnoj de panika, malsata kaj malespera Parizo elveturis, malrapide tratranĉis la kamparojn kaj la urbojn, kaj alrulis al novaj landlimoj. La unuaj vojaĝantoj rigardis tra la pordoj de vagonaro la ruinigitajn ebenaĵojn kaj la bruligitajn vilaĝojn. Antaŭ la pordoj de tiuj restantaj domoj, prusaj soldatoj, kiuj portis nigran kaskon kun kupra pinto, rajdante sur seĝoj, fumis pipon. Aliaj laboris aŭ babilis kiel hejme. Kiam la trajno preterpasis la urbojn, oni vidis la tutan regimentojn da soldatoj manovris sur la placoj. Kaj malgraŭ la granda bruado de radoj, ankoraŭ aŭdiĝis de tempo al tempo raŭka ordonado.

S-ro Dubuis, kiu iam aliĝis al la nacia armeo de sindefendo de Parizo sieĝita dum la tuta tempo, iris al Svislando por intervidiĝi kun siaj edzino kaj filino, senditaj pro diskreteco al la fremdlando antaŭ la invado.

La malsato kaj laciĝo neniom malgrandigis la grasan ventron de la riĉa kaj pacama komercisto. Li estis elteninta la terurajn eventojn kun dolorega rezignacio kaj malbenis nur per akraj frazoj la barbaraĵon de homaro. Nun la milito finiĝis, li alvenis al landlimo. Li unuafoje vidis prusojn, kvankam li estis plenuminta sian devon sur la remparo kaj gardostarinta multfoje en la frosta nokto.

Li rigardis kun kolera teruro ĉi tiujn armitajn kaj homojn kun barboj restis sur la tero de Francio kvazaŭ en sia lando, kaj li sentis, ke en la koro estis senpova patriotisma vervo, kaj ke li havis fortan bezonon por sagace sin protekti, novan instinkton kiu eĉ momente ne povis deiris de ni.

En lia vagono estis du angloj venintaj al Francio por viziti. Ili rigardis per siaj trankvilaj kaj scivolemaj okuloj. Ili ambaŭ estis grasaj kaj babilis en sia lingvo de hejmlando. Iutempe ili tralegis sian gvidlibron kaj laŭte voĉlegis, pene rekonis la lokojn indikitajn.

Subite, la trajno haltis ĉe la stacidomo de malgranda urbo. Prusa oficiro suriris per la vagona eskalo de du ŝtupoj, kun granda tintado de sia sabro. Li estis altstatura, preme vindita en sia uniformo, kun barbo sur la tuta vizaĝo etendiĝanta ĝis la okuloj. Lia ruĝaj haroj similis al flamo, kaj liaj longaj lipharoj, pli iom malhelaj, etendiĝis de du flankoj de la vizaĝo, kiun ili transverse tranĉis.

La angloj tuj kontemplis kun rideto pro kontenteco de sciemo al li, tiam s-ro Dubuis ŝajnigis legs ĵurnalon. Li kuntiriĝis en angulo, kiel ŝtelisto antaŭ policano.

La trajno startis denove. La angloj daŭre babilis, serĉis la precizan lokon de militoj; kaj subite, dum unu el ili la brakon etendis malproksimen, montrante vilaĝon, la prusa oficiro diris france, etendante liajn krurojn kaj retrokliniĝante la dorson.

"Mi mortigis dek du francojn en la vilaĝo, kaj kaptis pli ol cent homojn."

Kun granda intereso, la angloj tuj demandis:

"Ah! Kiel nomiĝas la vilaĝo?"

Li respondis: "Pharsbourg."

Li daŭrigis, "Mi ekprenis tiujn francajn trivialulojn je la oreloj kaj tute kaptis ilin."

Rigardante al s-ro Dubuis, li arogante ridis kun larĝigita buŝo en sia barbego.

La trajno ruliĝis, trapasante sinsekvon da vilaĝoj okupitaj. Oni vidis la germanajn soldatojn laŭ la vojo, ĉe la bordo de kampoj. Ili staris babilante en angulo de bariloj aŭ ĉe la pordo de la kafejoj. Ili, kiel la akridoj de Afriko, kovris la teron.

La oficiro etendis la manon kaj diris, "Se mi komandus, mi jam delonge okupus Parizon, kaj bruligus ĉion, kaj mortigus ĉiujn homojn. Francio jam delonge ne ekzistus!"

La angloj, pro ĝentileco, simple respondis, "Ah! Jes."

Li daŭrigis, "Post dudek jaroj, la tuta Eŭropo tute apartenus al ni. Prusujo estus pli forta ol ĉiuj aliaj landoj."

La angloj, maltrankvilaj, ne respondis plu. Iliaj vizaĝoj fariĝis senesprimaj, ŝajnante vakso inter iliaj longaj vangbarboj. Tiam la prusa oficiro ekridis. Kaj ĉiam retrokliriĝante la dorson, li mokridis. Li mokridis pri la disfaligita Francio, kaj insultis la venkitajn malamikojn. Antaŭ nelonge li ankaŭ mokridis pri la venkita Aŭstro, pri senforta kaj vana defendado de ĉiuj provincoj, kaj pri franca volontul-armeo kaj neutila artilerio. Li anoncis, ke Bismarck muldus urbon el fero per la kaptintaj kanonoj. Kaj li subite metis siajn botojn kontraŭ la femuron de s-ro Dubuis, kiu deturnis la okuloj, ruĝiĝinte ĝis la oreloj.

La angloj fariĝis verŝajne indiferentaj al ĉio, kvazaŭ ili abrupte estus fermita en sian insulon, for de bruoj de la mondo.

La oficiro eltiris sian pipon, kaj fiksrigardinte la francon, "Ĉu vi havas tabakon?"

S-ro Dubuis respondis, "Ne, s-ro!"

La germano aldonis, "Bonvolu iri aĉeti iom da tabakoj kiam la trajno haltos ĉe la stacidomo."

Kaj li denove ridis, "Mi donos al vi trinkmonon."

La trajno fajfis, malakcelis sian veturadon. Ĝi malrapide pasis antaŭ la nebruligitaj konstruaĵoj de stacidomo, kaj poste tute haltis.

La germano malfermis la pordon de vagono, kaj prenante s-ron Buduis je la brako, diris, "Iru aĉeti por mi, rapide, rapide!"

Taĉmento da prusaj soldatoj garnizonis en la stacidomo. Aliaj soldatoj rigardis foren starante ĉe ligna barilo. La lokomotivo jam fajfis por ekveturi denove. Tiam, s-ro Dubuis abrupte saltis sur la kajon, kaj malgraŭ ke ĉefo de stacidomo geste haltigis lin, li hastege entrudiĝis en la najbaran kupeon.

Li estis sola! Kun bateganta koro, li do malbutonumis sian veŝton, kaj li deviŝis ŝviton de la frunto, spiregante.

La trajno haltis denove en stacidomo. Kaj subite la oficiro aperis ĉe la pordo de vagono kaj tuj sekvis lin suriri la vagonon. Du angloj kaptiĝis per scivolemo. La germano sidis antaŭ la franco, kaj diris ĉiam ridante, "Ĉu vi ne volas fari aĉeton por mi?"

S-ro Dubuis respondis:

"Ne, s-ro!"

La trajno ekmoviĝis.

La oficiro diris, "Mi volas eltranĉi vian barbeton por plenigi mian pipon."

Li etendis la manon al la vizaĝo de sia samsidlokano.

La angloj ĉiam estis aplombaj, fiksrigardante.

Tiam, la germano jam prenis pinĉplenon da barbo permane kaj tiris supren. S-ro Dubuis mandorse faris baton, suprenlevis brakon de sia kontraŭulo, kaj kaptis lin permane je la

kolumo, premis lin sur la benkon. Poste, li eksplodis de furiozo, kun tempioj ŝvelantaj kaj okuloj plenaj de sango. Premante lian kolon per unu mano, li tutforte batadis sur lia vizaĝo per alia pugniĝanta mano. La pruso laŭeble baraktis, volante eltiri sian sabron kaj ĉirkaŭpremi sian kontraŭulon kuŝantan sur li. Sed s-ro Dubuis lin premis per sia peza ventrego, kaj frapadis, senripoze frapadis, senĉese frapadis, sen scii kien falis liaj batoj. La sango elfluis. La germano, kies kolo estis strangolita, senĉese spiregis, kaj elkraĉis siajn dentojn. Li provis deĵeti ĉi tiun furiozan dikulon batantan lin, sed utilis neniom.

La angloj staris proksime por ĝue vidi. Plena de ĝojo kaj scivolemo, ili preparis veti por ĉiu gajno aŭ malgajno de la batalantoj.

Elĉerpita pro fortstreĉo, s-ro Dubuis subite stariĝis kaj residiĝis, dirante nenion.

La pruso, kun konsterno kaj doloro, estis momente ĵetita en panikon, tial ne ĵetiĝis atake kontraŭ li.  Respirante, li diris, "Se vi ne volas dueli kun mi per pistolo, mi vin mortigos. "

S-ro Dubuis respondis, "Jes, kiam ajn vi volos, mi tre volas."

La germano daŭrigis, "Ĉi tie estas la urbo Strasburg.  Mi iru venigi du oficirojn kiel atestantojn. Antaŭ la trajno ekmoviĝos, mi ankoraŭ havas tempon."

S-ro Dubuis, kiu spiregas kiel lokomotivo, diris al la angloj, "Ĉu vi volas servi kiel atestantoj?"

Du homoj samtempe respondis, "Oh! Jes!"

Kaj la trajno haltis.

Dum unu momento, la pruso trovis du kamaradojn, kiuj kunportis pistolojn, kaj ĉiuj ĝisiris la remparojn.

La anglo senĉese elpoŝigis sian horloĝon por rigardi, kaj akcelante siajn paŝojn, faris preparojn, ĉar ili timis, ke ili prokrastas tempon por reveturado de trajno..

S-ro Dubuis tenis neniam pistolpn.  Oni lin kondukis al loko fore de sia kontraŭulo je dudek paŝoj.  Iu lin demandis, "Ĉu vi estis preta?"

Respondante "Jes, s-ro", li ĵetis rigardon kaj vidis, ke unu el du angloj malfermas sian pluvombrelon por ŝirmi sin de la suno.

Eksonis komando, "Ekpafu!"

S-ro Dubuis tuj pafis senatente, kaj li ĵetis surprizan rigardon al la pruso staranta en kontraŭa flanko, kiu ŝanceliĝis, levis la brakojn kaj rigide falis sur la ventro. Li estis mortigita de li.

Unu anglo kriis "Ho!" kun vibranta voĉo de ĝojo, de kontentigo de scivolemo kaj de humoro de ĝojiga senpacienco. La alia, ĉiam tenante sian horloĝon en la mano, ĉirkaŭprenis s-ron Dubuis je la brako, kurante al la stacidomo.

Pugniĝinte, la unua anglo kuris, kalkulante la paŝojn, kun siaj kubutoj ĉe la korpo.

"Unu, du! Unu, du!"

La tri trotis flankon ĉe flanko, malgraŭ siaj ventroj kiel tiuj groteskaj en ĵurnalo por amuziĝo.

La trajno ekmoviĝis.  Ili saltis en vagonoaron.  Tiam, demetinte siajn tokojn de vojaĝo, la angloj levis ilin svingante, kaj poste sinsekve kriis trifoje:

"Brave, brave, brave! hura!"

Tuj poste, ili serioze etendis unu post alia la dekstran manon al s-ro Dubuis, kaj ili sin turnis kaj sidiĝis ŝultron ĉe ŝultro en siaj propraj sidlokoj.

# Rimportretoj

## Vejdo

### Bakin

Bakin, Esperanta batalanto vera,
luktis por afero verda jen dumvive.
Kvankam li laboris en beletr' kreive,
ĉiam zorgis pri E-lingv' li konsidera.

Li tradukis, skribis en la stil' libera
el aŭ pri la lingvo multe kaj aktive.
Bakin, Esperanta batalanto vera,
luktis por afero verda jen dumvive.

Jen *Printempon en Aŭtun'* kun kor' sincera
li prezentis al legantoj ĉinaj vive.
Per penik' li verve pentris esprimive
sian koran amon al l' afer' espera.

Bakin, Esperanta batalanto vera.

## Lu Jianbo

Pioniro optimisma Jianbo Lu,
multekona, diligenta, energia.
Ĉiam kredis li je Lingv' Internacia,
firme de juneco al grandaĝ' sen sku'.

Kvankam lin torturis triste viv-sinu',
ŝanceliĝis ne pilgrim' al verdo lia.
Veterano optimisma Jianbo Lu,
multekona, diligenta, energia.

Sulkon li fosadis pene plu kaj plu,
Li esperis, ke la juna forto plia
kolektiĝu ĉirkaŭ l' rondo harmonia
por l' afero — Esperanta evolu'.

Pioniro optimisma Jianbo Lu.

## Simio* (Hou Zhiping)

Hou Zhiping, la studant' pri E-movada histori',
ĉiame serĉas kaj kolektas faktojn kun fervor'.
*La Ĉina Histori' de E-Movad'*** kun verda glor'
prikantas penojn, fruktojn de la verda famili'.

Por teni veran paĝojn por juna generaci'
senlace li priserĉas gemojn brilajn kun valor',
Hou Zhiping, la studant' pri E-movada histori',
ĉiame serĉas kaj kolektas faktojn kun fervor'.

Aktivas nun surrete varme li kun emoci'
por propagandi nian Esperanton sen langvor'
per fask' kaj fask' da kolorfotoj belaj de memor'
pri aktivadoj kaj eventoj de Esperanti'.

Hou Zhiping, la studant' pri E-movada histori'.
*pseŭdonimo de Hou Zhiping
** lia monumenta verko pri ĉina E-movado

## Ardo

### Dumnokta sopiro

Mi songŝ vin ĉinokte efemere,
ankoraŭ en printempo estis sude,
sen pluvo, blovas nur zefir' tenere,
Vi promenigis min sur stratoj lude.

Ni ridis gaje kaj babilis kvere,
briletas hele l' okulpar' senprude,
vi estas ĉarma bela karaktere,
Ja belulino pompe brilas sude.

Min ravis la memor' ensonĝa vere,
Malgraŭe ĉio restas sonĝ' etude
Vi kaptis mian koron jam konkere
Mi ĉiam amsopiras vin konklude.

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

PENSEO

N-ro 199

majo / 2008

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 19-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

## Vortoj de Redaktoro

En aprilo, ĉijare, kiam la torĉo de Pekinaj Olimpikoj stafetiĝis en kelkaj eŭropaj landoj, okazis sabotado de stafedo fare de subtenantoj pri "Tibeta Sendependeco". Samtempe kelkaj politikistoj kaj amaskomunikiloj en Francio kaj aliaj landoj levis kalumniojn kontraŭ Ĉinio, kio vekis indignon de studentoj lernantaj en tiuj landoj. Ili esprimis sian patriotismon per algluado de afiŝoj en forumoj. Ĉi tie mi aperigas du poemojn verkitajn de ĉinaj studentoj en Francio por refuti tiujn kalumniojn.

Vejdo

## Du Patriotaj Poemoj

[noto]Jen mesaĝo aperinta en la forumo de la ĉinaj studentoj en Francio. La mesaĝo disvastiĝis furora inter la patriotaj ĉinaj studentoj kaj rapide fariĝis por ili La Marseljezo（La Marseillaise). Laŭ densa bajronismo en la poemo，oni supozas ke ĝin versis studento pri angla literaturo.

### Parizo

### paradizo pli supera ol infero!

Parizo, paradizo pli supera ol infero!
Per flago nacia ni retro-rigardas hejmlokon!
Tiun tagon ni vojaĝis for de la Patrio,
sub ŝarĝo de vento, ondoj, tristo, nostalgio.
Sub pompaj lampoj, en sennombraj vesperoj,
sur la liva bordo de ebriiga rivero,
mi mem staras dronante en soleca sufero.
Kiu emerĝas el Sejno
ĉiam la ruĝa transa bordo!

Ho mia kompano！
Kial vi tiel ekzaltiĝas?
Ĉu vi vidis la lunon de Qin- kaj Han-dinastioj,
aŭ aŭdis hurlon de la Flava Rivero？
Tiel pensante,
mi ankaŭ estas kun sango bolanta！

Forbruligo de la Ronda Brila Ĝardeno,
falo de la Malpermesita Urbo,
okazintaj ĉe tomboj de niaj praŭloj,
kaŭzis pompon de la Muzeo de Louvre,
kaj gloron de Elysee-palaco en Francio!
Pensante pri tio,
mi ne povas deteni min larma kun emocio!

Ho, ventego de Trafalgar-placo
levos furiozajn ondojn de Elysee-palaco.
Ho，ruĝa nacia flago,
brulu en mia brusto, donu al mi forton！

Ho mia kompano！
Ne estu kaptita de paniko,
nek dronu en melankolio,
ne timu la arogantecon de malamikoj!
Alte tenu la nacian flagon,
ke ruĝaj flagoj flirtu ĉie,
tio estas nia nobla spino!
Alte tenu la nacian flagon,
ke ruĝaj flagoj flirtu ĉie,
tio estas kora voko de vagaj filoj!

Ho mia kompano！

Se vi revenus al hejmloko, mi petas,
bonvole forviŝu larmojn al mia amatino.
Se ŝi demandus pri nia stato, mi petas,
bonvole diru al ŝi kun fiero:
ke ĉiu ĉino agas en sama maniero!
Laŭ mia supozo, ĉi momente,
mia panjo ankaŭ larmas torente.

Ŝi certe scias, ke la idoj,
heredantoj de la Drako, jam kreskas,
kie ajn ni troviĝas!

Esperantigis **Miĉino**

# Ĉu Ĉiam Erara ?

2008-04-16 08:41:18

Ekde la tempo, kiam ni estis titolita Malsanemulo de la Orienta Azio, vi jam rigardis nin "Flava Katastrofo".
Kaj, kiam ni estas pripropagandita kiel venonta superpotenco, vi rigardas nin minaco.
Kiam ni fermis nian pordon, vi "malfermis la merkaton" per kontrabanditaj narkotaĵoj.
Kiam ni volas rifuzi narkotaĵojn, vi akcelis la vendon per forto.




Kiam ni ankaŭ praktikas la liberan komercadon, vi riproĉas nin ke ni forrabis de vi laboron.
Kiam mi estis disŝirita en pecojn, via armeo entrudiĝis, pretendante pri justa divido de la rabaĵoj.
Kiam ni denove reunuigis la disŝiritajn pecojn, vi kriegas por "liberigi invaditan Tibeton".
Kiam ni provis komunismon, vi malamis nin kiel komuniston.
Nu, ni akceptas kapitalismon, vi ankaŭ malamas nin kiel kapitaliston.
Kiam ni havas bilionon da loĝantoj, vi kritikis ke ni subpreme disfaligis la Teron.
Do ni praktikas naskolimigon, sed nun vi kritikas ke ni malobservas pri homrajton.
Kiam ni estis malriĉa, vi rigardis nin povra hundo.
Kiam ni pruntedonas al vi kontantan monon, vi insultas ke ni faris vin ŝuldanto.
Kiam ni konstruas nian industrion, vi nomas nin poluciantoj.
Dum vi ĝuas bonkvalitajn kaj malmultkostajn varojn kiujn ni provizas, vi riproĉas ke ni plialtigis la varmodoman efikon.
Kiam ni aĉetas petrolon, vi bruadas pri niaj kulpoj "ekspluati Afrikon kaj subteni rasan masakron".
Tamen, kiam vi lanĉis militon por petrolo, vi diris tion "liberigo".
Kiam ni agis registare, vi suprizite kriis, kaj volis interfere fabriki leĝojn anstataŭ ni.
Kiam ni laŭleĝan subigas la kruelan ribelon, vi nomas tion "barbara subpremo".
Kiam ni silentas, vi diras ke ni vivas sen libero de parolado.
Kiam ni ne plu tenas nin silenta, vi nomas nin malamikaj kontraŭ fremdaj landoj, ĉar ĉiuj kun lavita cerbo.

"Kial vi tiel forte malamas nin? "Ni ne povas teni nin ne demandi.

"Ne ne ne, ni malamas neniun. Ni, la Okcidenta Mondo, ĉiam kondutas laŭ civilizacio, justo, pardodemo, fratamo……"

"Ĉu vi komprenas nin? "Ni vere dubas.

"Kia ŝerco, kia demando? ! "vi diras, "ne forgesu, ke ni havas komunikilojn plej bonajn en la mondo——AFP, CNN, BBC kaj aliajn."

Esperantigis **Miĉino**

## Omaĝe Al Firma Ĉinio

Kiam la negxblovado revenan vojon baris,
ni helpe nin varmigis per korpoj reciproke.
Kiam suverenecan defion oni faris,
ni glavon elingigis akra anti-provoke.

Kiam la olimpikan torĉon fiul' malgloris,
ni ĉiuj solidare defendis senhezite.
Kiam la vivojn de infanoj viruso voris,
ni savis tuj kompense per amo malevite.

Kiam la trajnoj sturmaj fatale eltrakiĝis,
ni interhelpis unu alian sin-depende.
Kiam la tero nun en tertremo disŝiriĝis,
ni brave hakis al ni la vojon monto-fende.

Kuraĝu fronte al la suferoj eĉ sen finoj,
kaj firme tenu rekta la spinon de ni ĉinoj!

sonete esp-igis **Guozhu** 2008-05-15

# Ĉineske

## Eto

### Flamo sur Everesto

— laŭ ĉinesko Busuanzi*

sur la plej alta
montpinto torĉflam'
olimpika bruliĝas
fine kun proklam':

ĉinoj elstaras
rokfirme kun am'
por okazigi feston
de monda sport-gam'.

Pekino, ĉinoj
varmaj, amikaj
bonvenigas venontojn
al olimpikaj

ludoj por kunĝu'
sur ter' fortika
spite al kalumnioj
diroj cinikaj

(08-05-2008)




*ĉina fiksforma poemo el du strofoj po kvar versoj kun 55,72 silaboj, laŭ rimarangô xa,xa (x = senrima).*

### Freneza Tertremo

— laŭ ĉinesko Dekses-silabo*

ter'
tremas ege kun sufer'
hom-mondo
ŝajnas en infer'

Per
Malicaj ungoj de fer'
Ĝi falĉas
Homojn en mizer'

dom'

falas en faŭkon de gnom'
nenio
fuĝas el pogrom'

nom'
glora kaj vanta renom'
nur estas
ĝia bongusta pom'

tim'
taŭgas por ceda pilgrim'
batalu
por nia viktim'

(okaze de granda tertremo de Sichuan Provinco 14-05-08)

** ĉina fiksforma poemo el kvar versoj kun 1,7,35 silaboj, la rimaranĝo a,a,xa (x=senrima)*

## Lily

# Novenaskito en Tertremo

—laŭ ĉinesko Wanghaichao*

I.

en utero
mi jam aŭdis
bruegon de ekster'
mi tuj sentis
manan premon
de patrin' pro mizer'
kaj tuja danĝer'
ni glite falis
kun malleĝer'
mi anhelis
pro mank' de freŝa aer'

panjo en malesper'
ĝemis panike
kun larmriver'
varma sango
ŝia fluis
jen ĉirkaŭ mia ĉel'
falis pro l' mister'
ŝi dorsen frape
kun korp' sur ter'
povra panj', ĉu
ni troviĝas en infer'?

II.

pasis tago
panjo kuŝis
mute preskaŭ sen spir'
nun jen kaj jen
mi ja aŭdis
ŝin kun kava suspir'
vole je aspir'
al surtera viv'
mi kun sopir'
el uter' tuj
akuŝiĝos por elir'

panjo en delir'
parolaĉis, ve
kiel rapir'
tio pikis
mian koron
subite forta tir'
verŝajne de vir'
prenis min elen
kun eka ŝir'
mi naskiĝis
aŭte sub gapoj de mir'

**ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 11 versoj kun 446,446,5,54,47 / 6,54,446,5,54,47, laŭ rimaranĝo xxa,xxa,a,xa,xa / a,xa,xxa,a,xa,xa (x=senrima)*

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

# PENSEO

N-ro 200

Jun. / 2008

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 19-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Gratulon al Penseo pro Ŝia Jubilea 200a Numero!

### Vortoj de Redaktoro

Ne estas facile daŭrigi seninterrompe Penseon ĝis ŝia jubilea 200-a numero. En historio de Ĉina E-Movado, ŝi estas la unua beletra revuo, kiu, fondita en 1990, persistas ĝis nun. La disvolviĝa spuro de Penseo ŝajnas senfina stafetado: transdonita de la unua ĉefredaktoro Sceto al Guozhu, al Mao Zifu, al Vejdo… Espereble, ĉi tiu stafetado daŭriĝos vere senfine. En ĉi tiu jubilea numero, mi aperigas tri gratulajn poemojn al la eksterordinara evento por Penseo, kaj longan resuman artikolon pri la disvolviĝo kaj karakteroj de Penseo, verkitan de Guozhu. Pro kelkaj kaŭzoj, niaj ĉefaj verkantoj, kiaj Sceto, Lu Jixin, ne faris kontribuojn al ĉi tiu numero. Eble ili verkos ion poste por la jubilea evento de Penseo. Mi atendos.

Vejdo



**Vejdo**

## Nevelkebla Vi Pense'

okaze de eldoniĝo de la 200a numero de Penseo

Glor' de E-movado ĉina, nevelkebla vi Pense',
dek naŭ jarojn evoluas daŭre, sane ĝis
prosper'.
En stafedo torĉa man-al-mana spite al danĝer',
Vi antaŭeniras sen forges' pri ĵuro de l' ide'.

Nun ni festas ĝoje en numera via jubile':
Kanti, verki, prozi, versi, eĉ kanzoni en liber'.
Glor' de E-movado ĉina, nevelkebla vi Pense',
dek naŭ jarojn evoluas daŭre, sane ĝis
prosper'.

En ĝardeno via kreskas roz', tulipo, orkide'
Ĉiuj donas al legantoj viv-nutraĵon de esper'.
Kvankam vi akvero estas en beletra river',
Same respegulas penon vi de kultur-kre'.

Glor' de E-movado ĉina, nevelkebla vi Pense'

## julio sekvu kun ardo senlima

dediĉe al n-ro 200 de penseo

ducent ne estas cel-atingo fina;
junio,ankaŭ ne varmo kulmina.
iuj forpasis;multaj bove vivas.
julio sekvu kun ardo senlima.

2008/05/31 mao zifu

**Lily**

## Fierinda Penseo

— laŭ ĉinesko Busuanzi

jam ducent fojojn
ni al ŝia glor'
verŝas sangon kaj ŝviton
kun granda fervor'

kiel monument'
ŝi en nia kor'
staras eterne firme
je ĉi festa hor'

*Busuanzi: ĉina fiksforma poemo el du strofoj de kvar versoj kun 55,75 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,xa (x=senrima)*



## Guozhu

# PENSIGA PENSEO

— okaze de la apero de la jubilea n-ro 200 de <Penseo>

（2008-06-15）

1.La Graveco de Esp-revuoj

Estas netroiga aserto, se ni dirus, ke eldonado de esp-revuoj okupas la primaran gravecon en kaj por nia Esp-movado. Kiel ni ĉiuj scias, la unua esp-revuo <La Esperantisto> naskiĝis je 1889-09-01, do, pli juna ol la fama <Unua Libro> de Esperanto nur je du jaroj. Dank' al esp-revuoj estiĝis Esp-movado. Aŭ, alivorte dirite: Sen esp-revuoj ne povas esti Esp-movado. Tial, ni povas rimarki, ke eldonado de esp-revuoj daŭras fakte tra la tuta historio de Esp-movado, malgraŭ ĉia malfacilo, ĉu politika aŭ ekonomia.

2.Ĉinaj Esp-revuoj

En la historio de ĉ. centjara ĉina Esp-Movado, aperis pli ol centoj da diversaj esp-revuoj en diversaj lokoj, tempoj sub diversaj kondiĉoj.

* La plej frua ĉina esp-revuo <La Novaj Tempoj> aperis je 1907-06-22 en Parizo.

* La plej nova esp-revuo <Tra la Mondo> naskiĝis je 2007-01-01.

* La plej bedaŭrinda ĉina esp-revuo estas <El Popola Ĉinio>, post rekordtena eldonado de 507 numeroj dum 50 jaroj（1950-05/2000-12）, subite malaperis ĝia papera eldonado ekde 2001.

* La plej rimarkinda el la centoj da ĉinaj esp-revuoj sendube estas <Penseo>.

Se la centoj da ĉinaj esp-revuoj aperintaj dum la pasinta jarcento jam formiĝis granda ĝardeno, ni povas diri, ke Penseo nur estas vere malgranda floro en tiu Centflora Ĝardeno. Tamen, tiu malgranda floro allogas per distingeblaj trajtoj, neforviŝeblaj atingoj kaj aparta historia pozicio.

3.Koncize pri Penseo

* Fondita en julio de 1990, beletra revuo tute en Esperanto, ĉiumonate je 4 paĝoj en A4-formato;

* Honorita de Grabowski-premio en 1994-09-04;

* Regula eldonado ĉiumonate, nur kun interrompiĝo de 16 monatoj (1995-09/ 1996-12). Reaperis ekde 1997 per n-ro 63, kaj en junio de 2008 aperas la jubilea n-ro 200.

* en 1997 aperis ĝia elektronika versio en interreto, kaj tiu rekordo pruvis ke Penseo estas la plej frua enretigita inter ĉiuj ĉinaj esp-revuoj.

* krom papera kaj elektronika versio, ekzistis ankaŭ aldonaj specialaj kromnumeroj por pli longaj tekstoj, Penseanoj kiel ligilo inter ĉinaj legantoj kaj abonhelpa fonduso. Eldonigis en la nomo de Penseo ankaŭ certaj broŝuroj beletraj.

* Kiel ĉefredaktoro s-ano Shi Chengtai redaktis n-rojn de 1 ĝis 62, s-ano Lin Liyuan laboris en Kantono por enkomputiligi, komposti, presi kaj dissendi.

Kiel respondeca redaktoro s-ano Guozhu redaktis n-rojn de 63 ĝis 100 (1997-01/

2000-02) en Wuhan per softvaro nomata Huaguang, kiu subtenas ĉapelitajn literojn, speciala laborgrupo faras presadon kaj distribuadon.

S-ano Mao Zifu redaktis 6 n-rojn de 101 ĝis 106 per softvaro Word.

Ekde n-ro 107 (septembre 2000) ĉefredaktas s-ano Vejdo kaj la revuo aperas bonritme en PDF-versio kaj ĉiujn n-rojn oni povas nun libere legi kaj elŝuti en interreto.

<http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm>

(La kompleta kolekto)

<http://www.gazetejo.org/eo/search/node/Penseo> (PDF-aĵoj ekde n-ro 107)

4.Trajtoj de Penseo

4.1.Eldonata de Ĉinaj Plebaj Esp-istoj.

Penseo estas malgranda revuo eldonata de ĉinaj esp-istoj per la komuna forto de popolamasoj. Kvankam tia agmaniero ekzistis jam delonge kiel malnova tradicio en la centjara historio de ĉina Esp-movado, verŝajne ofta vidaĵo ne menciinda; tamen, ni devas koni la fonon ke la tempo de ĝia eldonado estas en moderna epoko, kaj la loko, kie ĝi publikiĝas, estas Ĉinio. Ni devas scii, ke en la nova Ĉinio, publikiĝas ne nur malgrandaj esp-revuoj de popolamasoj, sed ankaŭ grandaj esp-revuoj oficiale eldonataj de registara forto. Ekzistas vere granda diferenco inter tiuj du specaj, la popolamasa kaj registara, esp-revuoj. Kun malsamaj kondiĉoj, malsamaj fruktoj, malsamaj influoj ili vole-nevole kuŝas sub kompara ekzameno far legantoj.

Revuo eldonata de registaro havas favorajn kondiĉojn: oficiala registra n-ro, ŝtate pagitaj profesiaj laborantoj en bone ekipitaj oficejo, necesaj monoj por pagi al presejo kaj poŝtejo; unuvorte, ĝi havas ĉion necesan.

Kontraste, al revuo eldonata de popolamasoj mankas ĉio favora. Sen mono, sen domo, sen homo, ĝi devas labori el nenio. Fronte al nenio kiel starto, iuj s-anoj tamen kuraĝas pensi, kuraĝas agi, kaj neimageble! ili fine sukcesis ne nur komencon, sed eĉ persistas ĝis hodiaŭ. Tio neimagebla vere indas nian miron, admiron kaj pensadon.

4.2. Agmaniero

La agmaniero, kiun Penseo praktikas, estas laŭ la fama principo ke

ĉiu faras laŭ sia plejeblon, ĉiu prenas laŭ sia bezono.

Ĉiuj laborantoj de Penseo senescepte estas volontuloj, kiu nur havas la devon oferi, sed rajtas ricevi nenian rekompencon, eĉ groŝan .

Ĉiuj legantoj pagis nenion por abonado. En la komenca tempo iuj legantoj spontanee sendis monon subvencii por la sendkosto de la papera versio de Penseo. Poste, ĉar Ĉina Poŝto kvarfoje plialtigis la poŝtan sendpagon kaj tiu por la internacia poŝtaĵo plialtiĝis je kelkdekoj da obloj kaj fariĝis netolerebla ŝarĝo. Penseo do aperas ĉefe en elektronika versio libere legebla en interreto, nature la retanoj-legantoj nun rajtas pagi nenian elspezon.

Ke "ĉiu faras laŭ sia povo, ĉiu prenas laŭ sia bezono", tio ja estis la plej alta idealo strebita de la homa socio sed neatingebla dum longa tempo eĉ post sanga lukto de milionoj da homoj, tamen estas ofte videbla realo en ĉina Esperantujo. Ekz-e unue en multaj agoj de Estimata veterano Tikos dum la jaroj de la t.n. Granda Kultura Revolucio (1966-1976), poste imitaj agoj de multaj esp-revuoj tra la tuta Ĉinio. Tiu fenomeno respegulas la noblan karakteron, bonvirtecon kaj animstaton de ĉinaj esp-istoj.

4.3. Laborlingvo

Penseo aperas ekskluzive nur en Esperanto, dum la ceteraj centoj da ĉinaj esp-revuoj kun pli malpli multe da parto en la ĉina lingvo. Tio koncernas la legantaron al kiu la revuo frontas. Penseo celas diskonigi beletrajn verkojn de (antikva) Ĉinio, ĝi frontas al fremdaj legantoj tra la mondo, kiuj ne scipovas ĉinan lingvon

. Dume ceteraj revuoj en la ĉina Esperantujo frontas al enlandaj legantoj, servante al la ĉina Esp-Movado, tial ili ofte uzas la ĉinan lingvon.

4.4. Beletra enhavo

Enhavo de Penseo estas destinita pri beletro, sed ne pri Esp-Movado.

Beletra esp-revuo estas rara eĉ en internacia sfero, kaj en Ĉinio aperas kaj vivdaŭras nur tiu ĉi unika; dume alia <Esp-a Literaturo>, kies titolo estis el manskribo de Bakin, ĉesis aperi post 3 n-roj.

4.5 Monata eldona periodo

Penseo aperas ĉiumonate en 4 paĝoj de A4-formato, do malsama ol tiu dumonata aŭ en alia eldona periodo.

La nomo Penseo aperis plej frue en 1983. Siatempe estis revuo <La Penseo>, dumonata, tajpita, ofseta n-ro en 4 paĝoj de A4-formato. Shi Chengtai redaktis en Helonhjiang, presis en Huangshi. <La Penseo> inaŭguriĝis ekde la februaro de 1983, kaj ĉesis je n-ro 19 en februaro de 1986. Ĉar ĝia enhavo ankaŭ estis beletra, tial ni povas rigardi ĝin pra-Penseo.

4.6 Progresa kompil-tekniko

Penseo estas redaktata kaj kompostata per komputilo, do esence diferenciga disde la malnovaj revuoj en monotipa, mimeografita kaj ofseta presado. Kaj la komputila redaktado de Penseo mem travivis malsamajn periodojn de softvaro Huaguang, Word kaj pliposta Acrobat (por PDF-versio).

En 1990 la komputilo ĝenerale uzata ankoraw ne kapablis doni al ni normalajn ĉapelitajn literojn de Esperanto, tamen ni ja aspiris ke nia eldonaĵo estu kun aspekto de oficiala Esperanto-teksto. Kion fari? En la unuaj jaroj de Penseo s-ano Lin Liyuan faris la ĉapeligon per manlaboro. Li unue eltranĉis multe da "ĉapeletoj" kaj poste gluis ilin al la koncernaj lokoj sur la neta tajpaĵo. Tia peniga manlaboro daŭris tri jarojn, kaj ni ektrovis ke la softvaro Huaguang de kompanio Fangzheng povas doni ĉapelitajn literojn kiujn ni bezonas. Ni do komencis lerni apliki tiun softvaron, kiu nun aŭdiĝas jam kiel vera arkaikaĵo. Sed la malnovaj n-roj de Penseo antaŭ n-ro 100 ja estis redaktita per tiu softvaro Huaguang. Por manipuli tiun softvaron, oni devas parkere memori multege da malfacile memoreblaj ordonoj al la komputilo. En Wuhan nur Guozhu ellernis tion dum la aliaj s-anoj ne kapablis fari laŭvican deĵorŝanĝon. Guozhu do unuope redaktis gis n-ro 100. S-ano Mao Zifu daŭrige redaktis de 101 ĝis 106. Ekde n-ro 107 s-ano Vejdo redaktas per Acrobat kaj la revuo aperas nun nur en PDF-formato en interreto.

4.7 Granda Honoro

El ĉiuj ĉinaj esp-revuoj, Penseo ĝis nun ankoraŭ estas la unika laŭreato de Grabowski-premio.

Grabowski-premio fondiĝis ja por kuraĝigi literaturan verkadon kaj tradukadon en kaj per Esperanto. Tio ĝuste estas la enhavo de Penseo. Kaj, ekde la numero 1 ĝis 50, bonorde iradis la distribuado de Penseo en kaj ekster Ĉinio, tial, je 1994-09-04 kiam aperas la n-ro 51, Penseo estis honorita per Grabowski-premio. Ekde tiam tiu honoro ĉiam aperas indike ĉe la titolpaĝo de Penseo.

4.8 En Interreto

Penseo aperis en Interreto sufiĉe frue jam en 1997. La unuafojan enretigon faris s-ano Trigo sub helpo de hispana retamiko Pedro Macon. Pri tio Trigo verkis karan rememoron. Sed tiam li enretigis nur la plej novajn n-rojn (ekde n-ro 63) sinkrone kun la apero de papera versio. Krome, ni scipovas enretigi nur la tekstan parton, sen belegaj ilustraĵoj kiujn speciale faris s-ano Ĉinson por Penseo, tio ja estas granda bedaŭro.

Kiam s-ano Vejdo ĉefredaktas la revuon, li decidis fabriki la elektronikan version en

PDF-fromato, kiu povas redoni senŝanĝe la kompletan aspekton de la revuo. Nun internacie aperas tiaaspekte nur <Esperanto> de UEA kaj <Monato>.
En 2003 s-ano Vejdo enretigis la kompletan kolekton de Penseo （http://www.elerno.cn/penlisto.htm）. Tio estas alia ĝojinda rekordo. Ion similan ni ankoraŭ ne povas vidi ĉe alilandaj esp-revuoj.

4.9. Akiro de vasta prizorgoj
Sen oficiala registra numero, laŭ ĉina leĝo oni povas rigardi Penseon neleĝa revuo. Tamen, tiu malgranda revuo akiris multe da favoraj subtenoj kaj prizorgoj enlande de multaj veteranoj kiel ekz-e de Ĵelezo kaj aliaj.
Internacie, laŭ komento de William Auld, Penseo estas la unuika el ĉinaj esp-revuoj, kiu viciĝis inter la dek plej gravaj revuoj de Esp-literaturo. [noto]
Kiam Penseo portempe ĉesiĝis aperi, multaj legantoj sendis leterojn aŭ retpoŝtaĵojn pridemandi. Ekz-e en n-ro 68, ni ja povas legi leteron de William Auld datitan je 1996-10-31:
"...Mi estas malĝoja pri la aktuala sorto de Penseo --- ĉu mi neniam povos bindigi la duan kvindekon? Mi bone komprenas tamen la problemojn rilate al ĝia eldonado, kaj mi tre esperas, ke vi povos solvi ilin. Ĝi faris multon por stimuli verkadon precipe inter ĉinaj esperantistoj."

Ĉiu el la suprediritaj trajtoj de Penseo, se ni rigardus aparte unuope, estas ne mirinda. Tamen, kiam ili bonŝance kolektiĝis samtempe en unu sama revuo, tio fariĝas mirinda kaj admirinda rekordo; kaj ni povas facile kompreni kial Penseo distingiĝis fine kiel sukcesinto de maratono el la centoj da esp-revuoj.

5.Atingoj
Post sia fondiĝo Penseo havas jenajn atingojn:

5.1. baki novicojn
Baki beletrajn novicojn por ĉina Esp-Movado, interalie distingiĝis juna poeto Mao Zifu, kiu paŝis al la internacia scenejo ĝuste el la revueto Penseo. Nun Mao Zifu jam fariĝis komitatano de EVA.

5.2. enkonduki ĉineskon
Kvankam la unuaj ĉineskoj aperis jam delonge en 1972, en la kaosa jardeko de la Granda Kultura Revolucio, tamen, antaŭ ol apero de Penseo en 1990, preskaŭ neniu esp-isto ekster Ĉinio povas informiĝi pri tio. Ekde sia unua n-ro Penseo devkonscie vartis, kulturis kaj diskonigis ĉineskojn al la mondo, kaj, nur dank' al la persistema laboro de Penseo, neĉinaj legantoj havis la ŝancon koni pri la kresko de ĉineskoj. La amplekso de Penseo ordinare estas en 4 paĝoj, sed, en decembro de 2007, Penseo eldonis sian n-ron 194 kiel specialan n-ron de ĉinesko en 18 paĝoj (p.773 - p.790), omaĝe al la Unua Seminario pri Ĉinesko, siatempe sensacia evento en la ĉina Esp-Movado.

5.3. fenestro de ĉina kulturo
Kial Penseo limigis sian amplekson nur je mizere malmulta nombro de 4 paĝoj? Tio devenis de la inspiro de D-ro Zamenhof, kiu volis eldoni (paperan) revueton sendeblan "en koverto" por ĉirkaŭiri la barojn aŭ ĝenojn politikan aŭ ekonomian. Kaj, en ĝia naskojaro 1990 ni vidis ankoraŭ nenian elektronikan revuon. Tamen, ekde la komenco, Penseo tre atentas por konigi al la mondo la verkojn de gravaj verkistoj el ĉina literaturo. Dank' al malsamaj stiloj de la ĉefredaktoroj, efike kompletigantaj unu al la alia, nun ni kun ĝojo rimarkas, ke verkoj de ĉinaj verkistoj cu antikvaj kaj modernaj ĉiuj trovis por si koncernan lokon en Penseo. Por multaj neĉinaj legantoj, Penseo jam fariĝis vera fenestro de ĉina kulturo.

5.4. modelo de sinoferemo

La plej signifoplena frukto de Penseo estas persisti en la bona tradicio senegoisme sinoferi de la ĉina Esp-Movado.

Fondo kaj funkciigo de Penseo realiĝis en la tempo kiam merkata ekonomio jam regas ĉinan socion. Mankas al ni ĉio necesa por eldonado de la revuo: salajrita profesia laboranto, financa subteno kaj oficejo. Dank' al kunlaboro de ĉinaj esp-istoj tra la tuta lando ni sukcese realigis la daŭran eldonadon de Penseo, tiel ni persistis en sanaj tendencoj, starigis modelon en la ĉina Esp-Movado. Penseo ekzistas kiel inda daŭriganto de la bona tradicio praktikita de la malnova revuo <La Mondo> sub redaktado de Ĵelezo kaj Zhang Qicheng en la 30-aj jaroj de la pasinta jc, de <El Ĉinaj Esperantistoj (EĈE)>, kiun estimata veterano Tikos lanĉis per la komuna forto de ĉinaj esp-istoj en la Granda Kultura Revolucio. Samtempe, Penseo ankaŭ komencis la imitindan agmanieron, kiun praktikas ĉiuj novaj ĉinaj esp-revuoj ekdonataj de la popolamaso en la nova epoko, ekz-e <Agadu>(1998-06/2001-03), <Esperanto Aktivas>(2001-10/2005-08) kaj <Tra la Mondo> (2007-). De tiuj agadoj oni havas pli fortan memfidon pri la brila estonteco de la ĉina Esp-Movado.

Okaze de la apero de la jubilea n-ro 200, mi humile dediĉas al ĝi malgrandan poemon.

Gloron al Penseo
— okaze de la apero de jubilea n-ro 200

Penseo kreskas de burĝono
prospere al ĉarma mirfloro.
Frukto de ĉina verda koro,
senlaca persisto sindono.

Sen domo, sen homo, sen mono,
mirakle estiĝis trezoro.
Merite fierinda gloro:
Grabowski-premio sur krono.

Kaj ĝi fariĝis breviero
per ret-versio senkompara,
disponebla sur etaĝero.

Post peno, laboro multjara
aperas ducenta numero —
jubileo ne-ordinara!

----------------------------

[Noto]

Januare 1994, William Auld publikigis artikolon titolitan <Vartejoj> en la fama <Fonto> (n-ro 157, p.11). Li rekomendis laŭ lia selekto dek plej gravajn literaturajn revuojn el esp-revuoj aperintaj en pasintaj cent jaroj (6 renomaj malnovaj kaj 4 novaj)

1.La Revuo (1906-1904)
2.Literatura Mondo (1922-1926/ 1931-1938/ 1947-1949)
3.Norda Prismo (1955-1974)
4.La nica literatura revuo (1955-1962)
5.Literatura Foiro (1970-)
6.Fonto (1980-)
7.La Ondo de Esperanto (Sezonoj, Rusujo)
8.Survoje (Ukrainio)
9.Penseo (Ĉinio, 1990-)
10.La Gazeto (Francio,1985-)

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio
Tel: (0757) 86366253 (hejme)
E-poŝto: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm
◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

PENSEO

N-ro 201

Jul. / 2008

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 19-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

# Profundan funebron pri viktimoj en la granda tertremo en Wenchuan, Ĉinio!

**La granda tertremo okazinta en Wenchuan, Ĉinio je 12-an de majo, 2008 ege skuas la tutan mondon. En ĉi tiu numero, mi aperigas faskon da poemoj por esprimi profundan funebron de ni ĉinaj esperantistoj.**

**Vejdo**

## Omaĝe Al Firma Ĉinio

Kiam la neĝblovado revenan vojon baris,
ni helpe nin varmigis per korpoj reciproke.
Kiam suverenecan defion oni faris,
ni glavon elingigis akra anti-provoke.

Kiam la olimpikan torĉon fiul' malgloris,
ni ĉiuj solidare defendis senhezite.
Kiam la vivojn de infanoj viruso voris,
ni savis tuj kompense per amo malevite.

Kiam la trajnoj sturmaj fatale eltrakiĝis,
ni interhelpis unu alian sin-depende.
Kiam la tero nun en tertremo disŝiriĝis,
ni brave hakis al ni la vojon monto-fende.

Kuraĝu fronte al la suferoj eĉ sen finoj,
kaj firme tenu rekta la spinon de ni ĉinoj!

--- sonete esp-igis **Guozhu**
2008-05-15

## Infano, Tuj Prenu Panjon je la Mano

**Dediĉe al tiuj infanoj pereintaj en tertremo**

Infano,
Tuj prenu panjon je la mano
La voj' al paradizo
mallumas troe
mi timas, ke vi kapfrapiĝas
jen kun malĝojo
tuj
vi prenu firme mian manon
min lasu akompani laŭ la vojo
mi timas, ke
pro troa mallumeco
sur voj' al ĉielapoge'
mi ne povas vidi vian manon
de kiam
la falinta muro
forkaptis la sunlumon
mi ne plu povas vidi
okulojn viajn plenan je plezuro
infano
do iru
sur voj' antaŭe
troviĝas nek ĉagren-kompano
nek lernolibroj finlegeblaj
nek paĉja pugnobano
memorigu la mienojn
de via paĉjo kaj mi
kuniĝos en venonta vivo ni tri

ho, panjo
libera de ĉagreno
sur voj' al paradiz' kun hompleno
amasas kunlernantoj kaj amikoj
ni diras per konsolo
ne ploru
ajn panjo estas propra panjo en la koro
ajn infano estas infano de ajn panjo
en tagoj sen ĉeesto mia
donu vian amon al infanoj energiaj
ho, panjo
ne ploru
prilumi larmobril' ne povas
nian vojon
ni iru
lantmove
ho, panjo
mi enkapigas la mienojn de vi k' paĉjo jam
kaj ankaŭ nian interjeson
ni tri kuniĝos en venonta viv' kun am'

esperantigis **Vejdo**

## Guozhu

# Librosakoj post Tertremo

Vicoj da librosakoj sur ruino!
pensigas al ni pri freŝvigla vivo.
Geknaboj en flor-aĝo de naivo
kial subite falas al vivfino?



Parco nejuste laŭ fatal-destino
falĉas per masakro en efektivo.
Pro la tragedio -- forta motivo --
larmoj vualas al nia retino.

Kvankam doloras la sceno obskura,
tamen ni batalas kun persistemo.
Spite al la katastrofo natura,

Ĉinio luktas kontraŭ la tertremo.
Por pli bela perspektivo futura,
Esperantistoj ĉantas per poemo.

(2008-05-22)

## Shi Hongsheng

# Rememore al Mia Savhundo

Shi Hongsheng
Vi jam skirbis vian dumvivan fidelon
sur la kor' de tridek tri savitoj.
Kun restanta spiro pro lacego,
vi raportis al gepatroj viaj:
Mi troviĝas en Wenchuan de Ĉinio.
Kun torenta larma fluo,
la trejnist' deprenas de vi la kolĉenon
kaj eltiris dornoj el piedoj viaj kun zorgemo
por eternan liberiĝon doni al vi.

Vere volis vi ripozi,
sed vi ĝoje kuras vi en imago mia.
Nun vi montras nenian esprimon.

Larmoj de l' trejnisto
estas rememoro al kunbatalanto.
Ĝi ja komenciĝis
el fuĝado de la dezerta ruino
ekde tiam
la batalo inter vulgaraĵo kaj animo
daŭras jen tra mia tuta korpo.

esperantigis **Lily**

# Ĉineske

## Vejdo

# Nacia Funebrado

—laŭ ĉinesko Qinyuanchun*
ĉe solena

kaj malĝoja
korŝira hor'
la tuta lando
en silento
tri minutojn
kun trista kor'
funebris pri
la mortintoj
en tertremo de homvor'
sirenoj
longe fajfadis
en peza ĥor'

nacia flag' de glor'
flirtadis
en dolor-langvor'
ĉe duonmasto
dum ĉi-moment'
senmoviĝis
kiel marmor'
ĉi' vivanta
ho, gefratoj
vi trankvile iru for
ni ĉiam
tenas vin bone
en la memor'
(19-05-08)

*Qinyuanchun: ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 13 versoj kun 444,5444,447,354 / 6, 35,5444,447,354 silaboj, laŭ rimaranĝo xxa, xxxa, xxa,xxa / a,xa, xxxa,xxa,xxa (x=senrima)*

## Guozhu

# Tutlanda Funebrado

— laŭ ĉinesko Busuanzi*
(2008-05-19/21)

Duonhisata
nacia flago
memoras en tutlanda
funebra tago

pri la kruela
tertrema plago
bravismo en mizeroj
ekster imago

** Busuanzi (Aŭguristo): ĉina fiksforma poemo konsistanta el du strofoj same el versoj de 55,75 silaboj kun duona rimo.*

## Vejdo

# Frue Velkinta Floro

—laŭ ĉinesko Dielianhua*

ankoraŭ naiva flor'
freŝe juna
kun kristala kor'
sub vetera malignor'
kaj ĝardenista favor'

eĉ velkis dum eta hor'
nekonscie
sen ajn pompa glor'
sub bat' de roka rigor'
en feroca tertrem-vor'
(16-05-2008)

**Dielianhua: ĉina fiksforma poemo el du strofoj po kvin versoj de 7,45,7,7 silaboj, laŭ rimaranĝo a,xa,a,a (x=senrima).*

# Sang' kaj Tero

—laŭ ĉinesko Manjianghong*

homa sango
de freŝe
ruĝa kolor'
fluetis
en la teron
kun faŭka vor'
tero tremis freneze
por rabi da homa glor'
porcion
jen sango estas
viv-simbol'

tertremo
de horor'
balais
kun sonor'
fantoma homojn
de viv-trezor'
ŝprucis sango trae
kial grandas la rankor'
de patrin-
tero al homa
viv-fervor'

**Manjianghong: ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 11 versoj kun 434,344,77,353 / 33, 33, 54,77,353 silaboj, laŭ rimaranĝo xxa,xxa, xa,xxa / x, xa, xa, xa, xxa (x=senrima)*

## Lily

# Novnaskito en Tertremo

— laŭ ĉinesko Wanghaichao*

I.

en utero
mi jam aŭdis
bruegon de ekster'
mi tuj sentis
manan premon
de patrin' pro mizer'
kaj tuja danĝer'
ni glite falis
kun malleĝer'
mi anhelis
pro mank' de freŝa aer'

panjo en malesper'
ĝemis panike
kun larmriver'
varma sango
ŝia fluis
jen ĉirkaŭ mia ĉel'
falis pro l' mister'
ŝi dorsen frape
kun korp' sur ter'
povra panj', ĉu
ni troviĝas en infer'?

II.

pasis tago
panjo kuŝis
mute preskaŭ sen spir'
nun jen kaj jen
mi ja aŭdis
ŝin kun kava suspir'
vole je aspir'
al surtera viv'
mi kun sopir'
el uter' tuj
akuŝiĝos por elir'

panjo en delir'
parolaĉis, ve
kiel rapir'
tio pikis
mian koron
subite forta tir'
verŝajne de vir'
prenis min elen
kun eka ŝir'
mi naskiĝis
aŭte sub gapoj de mir'

**Wanghaichao: ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 12 kaj 11 versoj respektive de 446, 446,5,54,47 / 6,54,446,5,54,47 silaboj, laŭrimaranĝo xxa, xxa, a, xa, xa / a,xa,xxa,a,xa,xa (x=senrima)*

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***

Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)

Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio

Tel: (0757) 86366253 (hejme)

E-poŝto: vejdo@163.com

Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

PENSEO

N-ro 202

aŭg. / 2008

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 19-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

Vejdo

# Panegiro al Olimpikaj Ludoj en Pekino

——laŭ ĉinesko Manjianghong*

amikoj el

Azio

Ameriko

Eŭropo

Aŭstralio

kaj Afriko

konverĝas en Pekino

por vervaj Olimpikoj

kun amo

kun amikeca

fortiko

per sporta

apliko

ni kune

amikoj

konstruu pacon

sen ciniko

la mondo sin trovu en

komprena komuniko

kun paca

kaj harmonia

publiko

05-aŭg.-2008

*Manjianghong: ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 11 versoj de 434,344,77,353 / 33,33, 54,77,353 silaboj respektive, laŭ rimaranĝo xxa,xxa,xa,xxa / xa,xa,xa,xa,xxa (x=senrima)

# Eternaj Amikoj

(kantteksto)

**dediĉita al Olimpikaj Ludoj en Pekino**

Ambaŭ perdon kaj sukceson spertis vi jam,
Volas vi ne malpli ol tion en sam'.
Vi jam dure pli penis,
pintan lokon jam prenis.
La tempo jen por vi memori
Dumvive.

Eternaj amikoj
En harmoni',
Ĉar vidas kune l' mondgent'
Tagojn de pac' kaj unusent'.
Post multmultaj jaroj,
venkdeklarojn,
Ĝojon kaj ridojn ĉie,
Ni kunĝuos ebrie,
Eternaj amikoj.

Vidos vi vizaĝojn de malsamaj rasoj,
Kaj popolojn el diversaj mondamasoj.
Sentos tion vi en kor',
Longe disis ni de for'.
la tempo jen por sonĝo ĉies viviĝi.

Kien ajn ni vage iras,

Kion ajn ni nun aspiras,
Kiel ajn ni preĝas kun pi',
Saman sonĝon ĝuas ni.

Mond' kaj sonĝo,
Eternaj amikoj
En harmoni'!
Eternaj amikoj,
Sama rev' nin ravas,
Saman mondon ni havas.

elangligis Lily

## Lin Liyuan

# Rememore pri Penseo

Penseo alinomiĝas Suna Floro, havas fortan adaptiĝkapablon. oni nur enterigis ĝiajn semojn ĉie, ĝi kreskas kaj bunte disfloras sen plua zorgado, beligas vivon de homoj.

En la komenco de la 80aj jaroj de la 20a jarcento, mi estis en urbo Huangshi, funkciigis Esp- kursojn kune kun Hu Guozhu, Zhang Xinsheng, kreis revueton Novas Floro, kelkjare ni havis ne malgrandan rikolton, en urbo Huangshi 10 % el la loĝantaro vizitis la kursojn. Tiel ni deziris funkciigi korespondan lernejon, tamen la urba instanco ne kredis nian planon, kaj opiniis, ke "lernejo" estus grandskala por koresponda instruado laŭ ĝia imago. Tial nur permesis, ke funkciigu Korespondan Kurson. La instanco eĉ en sonĝo ne antaŭvidus, ke tiu Kurso posedos kelk-dekmil kursanojn. Ni decidis, ke nia kurso emfazas la instruan efikon. Ni organizis kompetentajn esp-istojn tra la lando, kiel instruistojn, kiuj korektis la ekzercarojn, respondis demandojn de la kursanoj, des pli instru-turneris tra la lando dum somera ferio, tial nia Koresponda Esp-Kurso (KEK) gajnis plenan aplaŭdon.

Ni funkciigis la elementan kurson, sekve la mezan kurson, poste ni funkciigis la progresan (superan) kurson, en kiun sukcese iris kelkcent personoj el kelk-dekmil kursanoj, kiuj poste fariĝas elito de la ĉina Esp-movado. Por bone funkciigi la progresan kurson, krom kompilado de lernolibro kaj aliaj lerniloj, ni decidis krei monatan revueton Penseo en Esperanto, ties enhavo ĉefe estis literatura, originale verkita aŭ tradukita. La revueto ni distribuis al kursanoj kun la revueto Nova Floro, tiam la revuetoj estis mimeografie. La redakta tasko falis sur s-anon Shi Chengtai, loĝanta en urbo Tailai, prov. Heilongjiang, malproksime de Huangshi. Shi kompilis la kontribuaĵojn, kiujn tajpis sur stencilojn, poste sendis la stencilojn al urbo Huangshi, tie ni mimeografis kaj distribuis. Sur la revueto Penseo ne nur aperis multe da verkaĵoj de instruistoj, sed ankaŭ verkoj de kursanoj, tial ĝi gajnis ŝaton de kursanoj. Tamen ties distribua sumo nur estis 100 ekzempleroj, la influo ankaŭ estis limigita, eĉ poste ĝi fariĝis dumonata revueto, ĝis 1985 finis sian mision. Tiam mi eklaboris en Kantona Universitato en urbo Kantono, Koresponda Esp-Kurso en urbo Huangshi (KEK), jam vivanta 6 jarojn, kunlaborante kun Kantona Universitato, daŭris funkciigi korespondan Esp-kurson, kiu finiĝis en 1991.

En aŭtuno de 1989, s-ano Chen Zaiwei (Even) el provinco Hainan, vizitante min en urbo Kantono, parolis al mi, ke li komercas kun sia frato kaj iomete profitas, deziras fari ion por Esp-movado. Li deziras reaperigi revueton Penseo, kaj li tuj donis al mi 3000 yuanojn RMB por la eldonon de Penseo. Tiam mi jam komence uzis komputilon, kaj ekzercis min per programon Fangzheng de Pekina Universitato. Post interkonsiliĝo kun Chen Zaiwei mi letere informis pri la reaperigo de Penseo al la instruistoj de KEK, kiuj tute aprobis nian proponon. Shi Chengtai, kiel redaktoro, baldaŭ sendis al mi la kontribuaĵojn de n-ro 1. Mi tuj tajpis kaj sendis la tajpaĵon al Shi kaj Hu Guozhu por kontroli. Siatempe mi ne povis rekte tajpi en komputilo la ĉapelajn

literojn, tiel mi tajpis nur la “ĉapelojn” sur alia papero, kiujn mi eltondis per tondilo, poste per pinĉileto unu post alia gluis sur la koncernajn literojn. Tia laboro estis tre malfacila, en la antaŭaj numeroj troviĝis multe da preseraroj.

Malgraŭ ĉio ĉi ofseta revueto Penseo finfine naskiĝis, ties 1a numero estas presita je 500 ekzempleroj, la distribua sfero fariĝas granda, Shi Chengtai donis al mi adresojn de fremdlandaj esp-istoj, al kiuj mi sendis la revueton, tial la revueto havis pli grandan influon, gajnis bonan reeĥon, W.Auld, tiama prezidanto de Esperanta Akademio, veteranaj s-anoj Chen Yuan kaj Ĵelezo donis al nia laboro altan taskon, s-ano Ĵelezo sendis al ni monon por subteni.

Chen Zaiwei iom post iom donace donis al mi 12000 yuanojn RMB, poste lia frato malpermesis lian agadon en Esp-movado, kaj lia komercado ankaŭ renkontis malfacilon, tiam mi daŭris eldoni ĉiumonate la revueton per propra mono. La elspezo ĉefe estis afrankon, ĉiun numeron ni sendis al fremdlandoj je 50-60 ekzl. kaj al landaj es-istoj ĉ. 300 ekzl.. Tiam legantoj eksterlandaj kaj enlandaj iom post iom subtenis la eldonon per monoj el siaj poŝoj, tial la revueto daŭre eldoniĝis. Kompreneble ni neniel forgesas la iniciatan meriton de Chen Zaiwei.

Plej ĝojinde estas, ke en 1994 Penseo gajnis Premion Grabowski kune kun revuo en Esp-o de la Ĉina Scienca Akademio. Kiam la atestilo de la premio atingis min, Shi Chengtai kaj Hu Guozhu ĝustatempe restis en Kantono, en mia skriboĉambro mi triope fotis nin por celebri.

Kiam la 80a numero de Penseo aperis, ni eldonis kolektan ekzempleron de Penseo. Alie ni kun s-anoj Wu Denxiang kaj Liang Jiashu en urbo Chengdua Esperanto-Asocio kunlabore eldonis specialan n-ron Penseano por kondolenci nian estimatan veteranan s-anon prof. Lu Jianbo.

En 1992 la koresponda Esp-kurso de Kantona Universitato finiĝis por la malhelpado de la rektoro de Kantona Universitato kaj altigo de la reklama elspezo de ĵurnaloj. Tamen Penseo ankoraŭ daŭre eldoniĝis. En 1996 mi vizitis urbon Wuhan, kun tieaj s-anoj interkonsiliĝis, donis la eldonadon kaj distribuadon al tieaj s-anoj. Ĉefredaktoro ankoraŭ estis Shi Chengtai, Hu Guozhu respondecas pri paĝa aranĝado de la revueto en komputilo, Peng Zhengming respondecis pri presado kaj administrado de mecenata mono, Yang Zongkun respondecis pri distribuado. Pli menciinde estas, ke s-ano Yang Zongkun vizitis multajn poŝtoficejojn tra la urbo Wuhan por trovi plej malkaran afrankon.

En 2000 okazis kunvenon de sekretarioj de Esp-Asocioj en la lando en urbo Fuzhou, iuj ĉeestantoj, kiuj zorgas pri Penseo, kunvenis kaj donis rezolucion:

1. Penseo estas unika revueto beletra en Esp-o en Ĉinio, ni nepre eldonas plu ĝin;

2. ekde n-ro 107 de Penseo, Wei Yida prenas la taskon de redaktoro, kiu gaje akceptas;

3. la distribuado translokiĝas en urbon Kantono, s-ino Harpina (Wu Hanping) respondecas, sed ŝi postulas rekompencon, ke ni pagu al ŝi la sumon laŭ unu yuanon RMB por sendaĵo de ĉiu ekzemplero;

4. Lin Liyuan pagos por presado de Penseo.

Tiel la eldono kaj distribuo de Penseo revenis en Kantonon. Baldaŭ Harpina postulis min pagi al ŝi 250 yuanojn por la poŝtkesto, tion mi pagis. Kaj mi sciigis ŝin, ke prenu el mano de Peng Zhengming monon restantan en Fonduso de Penseo kaj la adresojn de fremdlandaj legantoj. Ŝi, refoje vizitante min, parolis, ke Peng ne transdonis al ŝi la monon kaj la adresojn, esprimante, ke mi devas pagi ŝin. Mi respondis, ke mi nur promesis pagi por

presi dum la kunveno en Fuzhou. Ŝi sendis 4 numerojn de Penseo unufoje , tamen postulis ke mi pagu al ŝi 4-fojan rekompencon, tio ne estas konvena, mi opiniis. Poste ŝi ne vizitis plu min, kaj mi aranĝis laboranton por sendi la revueton.

Dank' al klopodo de Wei Yida kaj progresado de la moderna teknika rimedo, Penseo daŭre aperas en formo de la interneta paĝo (elektronika eldono), pro tio ĝia distribua tereno pligrandiĝas. Mi elkore gratulas, ke Penseo povas aperi longatempe kaj esperas, ke pli multe da legantoj zorgu pri ĝia kreskado.

2008-5-24

## QU Yuan (340 a.K.—278 a.K.)

### NUBA DIINO

— la 2-a el la dek unu pecoj de la *Naŭ Kantoj*

Banite en akvo kun bonodoro,
per buntkoloraj vestoj sin vestante,
la mediumo jam alvenas lante.
Kandeloj lumas antaŭ la aŭroro,

hele en la kultejo kun adoro,
kiel la suno kaj luno brilante.
Veturas per kaleŝo ŝvebflugante.
Kaj drako servas kiel konduktoro.

Impone la nubdiino descendas,
subite ĵetiĝas al la ĉielo.
Mia rigardo pli disten etendas

tra la spaco ĝis senlima nivelo.
Ve! Pro vi miaj suspiroj kresĉendas.
Turmentas min la forta sopir-ŝvelo!

### MONTA FEINO

— la 9-a el la dek unu pecoj de la *Naŭ Kantoj*

Vidiĝas en montvalo jen knabino,
en vest' grimpfiga kun kuskutrubando.
Al ŝi celiĝas mia korinklino
pro dolĉa okulum', rid' ĉe liprando.

Ŝi rajdas sur pantero. Vulp' post ĉaro
magnolia. Osmanta flago pendas.
Flormarkezo. Rimenoj el azaro.
Plukitan floron al amato sendas.

En bambu-densej' ĉiel' ne vidiĝas.
Pro malfacila voj' mi tardas sola.
Tiam la amato jam ne troviĝas.
Nubar' ĉe mia pied' ondas bola.

La tago svenas. Nebulas oprese.
La vento orienta pluvon blovas.
Atendas amaton, reven-forgese.
Kiu min rebeligi juna povas ?

Pluki mirfungon senoldigan monte.
Duras la montvojo lianoplena.
Ĉu vi ankoraŭ sopiras min sponte,
aŭ tempmanko igas vin senrevena ?

Kantas la monta knabino ĉagrene.
Floroj ankoraŭ mane bonodoras.
Ŝi trinkis fonton. Pinoj ombras plene.
Konfuza amsopiro nin angoras.

Tondras obtuze kaj pluvas malhele.
Simioj krias en noktfirmamento.
Arboj en vento svingiĝas ŝancele.
Pliiĝas amsopire korlamento.

Trad. **Guozhu** 2008-06-08

*kiam la Drakboata Festo unuafoje fariĝis leĝa feriotago en Ĉinio*

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***

Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)

Adreso: Fremdlingva Fakultato, Nanhai Kolegio de Sud-Ĉina Normala Universitato, Nanhai, Guangdong 528000, Ĉinio

Tel: (0757) 86366253 (hejme)

E-poŝto: vejdo@163.com

Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

PENSEO
N-ro 203
sept. / 2008
Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski, 1994
Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 19-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

**William Butler Yeats (1869-1939)**

# KIAM VI ESTAS OLDA

Kiam vi estas olda kaj dormema
ĉe forno, prenu do la poemaron
kaj lante legu. Vian okulparon
mildan memoru en ombr' densa, prema.

Kiom multaj amis vin en junaĝo,
kaj vian belon, vere aŭ malvere;
sed unu pilgrim-animon prefere,
kaj sulkojn sur via falta vizaĝo.

Kapkline, ĉe ardaj forno-kaheloj,
murmuras pri la am' en foreskapo,
kiu promenas monte super kapo,
kaŝas vizaĝon sian inter steloj.

esp-igis **Guozhu** 2008-06-10

# Kiam Vi Oldos

—laŭ ĉinesko Qinyuanchun*

I.

kiam oldos
vi grizeta
kun dormem-plen'
kapklinemante
ĉe la fajro
ĉi libreton
per la manpren'
legu lante
kaj prisonĝu
la intan rigardon sen
malĝojo
kaj densajn ombrojn
profundajn en
via okuleden'
kiom da
homoj sen ajn ĝen'
ŝatis momentojn
de gracila
via ĝojad'
kaj la bonven'
ŝatis vian
belon aŭ el
vera koro kun kompren'
aŭ el sent'
hipokrita kun
malvera ben'



II.

sed nur unu
en la mondo
fortika vir'
amis animon
pilgrimantan
vian kun pi'
kaj kun admir'
amis ĝenon
kaj ĉagrenon
sur viaj vangoj de bril'
ŝanĝemaj
ĉiam plenplenaj
je viv-aspir'

Kaj kapklinu sen dir'
murmure
kun eta suspir'
ĉe flamanta fajr'

kiel Amo
fuĝis foren
sen manakir'
en la montojn
superkapajn
kaj kaŝis sin kiel glir'
inter grup'
da steloj brilaj
sen ajna spir'

vian belon jam
ĉu el hipokrita mav'
aŭ el la korfunda am'
kun softa aklam'

sed estis
unu sola vir'
li amis pilgriman en
vi animon kun sopir'
kaj ama aspir'

li arde
amis elkore
la ĉagrenojn de via
vangoj ŝanĝemaj hore
kvazaŭ aktore

klinu sin
ĉe fajro pie
murmuru kun pentdolor'
ke fuĝis amo strie
kaj senkonscie

en montojn
kaj kaŝis ŝtele
sian ĉarman vizaĝon
inter steloj malhele
flagraj ŝancele

**Qinyuancun: ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 13 versoj kun 444,5444,447,354 / 6, 35,5444,447,354 silaboj, laŭ rimaranĝo xxa, xxxa,xxa,xxa / a, xa, xxxa,xxa,xxa (x=senrima)*

elangligis **Vejdo**

## Kiam Vi Oldos

— laŭ ĉinesko sopir-al-sudo*

kiam vi
oldos en futur'
plenplena je grizo kaj
dormemo sen ajn plezur'
kapklinate nur

ĉe fajro
legu bonvole
ĉi libron de poemar'
lante kaj senparole
legu senfole

prisonĝu
ekrigardojn de
via pasinteco kaj
profundan ombraron ĉe
la okulmuze'

prisonĝu
kiom da homoj
ŝatis gracilajn movojn
viajn kaj kun sindonoj
kaj kun korbonoj

kaj ŝatis

**sopir-al-sudo: ĉina fiksforma poemo el 5 versoj de 35,77,5 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,xa,a (x= senrima).*

elangligis **Vejdo**

## Ĉineske

### Ardo

## Rememoro pri rara Lampiro

— laŭ ĉinesko Busuanzi*

Per persona pen'
nia pionir'
sendis lumon de lampir'
kun persistaspir'.
Fama veteran',

verda la lampir'
brilas ĉie kun admir',
restas la eskvir' .

**Busuanzi: ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 4 versoj kun 55,75 silaboj, laŭ rimaranĝo xa,xa (x=senrima)*

## Vejdo

## Drakboata Festo

—laŭ ĉinesko Tiaoxiaoling*

Remu, remu
Ne deflanken tremu.
Per kuniĝa peno
Ĝis fincela veno.
Nove, nove
Glate ĉionpove.

**Tiaoxiaoling: ĉina fiksforma poemo el ses versoj de 4, 6; 6, 6; 4, 6 silaboj, laŭ rimaranĝo de aa,bb,cc. La 4-silabaj versoj konsistas el du ripetaj vortoj. Kaj la unua vorto de la kvina verso devas esti el palindrome ordigitaj silaboj de la lasta vorto de la kvara verso. ekz. rimi-miri; mora-arom; nomo-mono; roso-soro.*

## **ZHU ZIQING** (1898-1948)

# PATRA DORSO

Pasis jam pli ol du jaroj depost mi lastfoje vidis patron, la vidon de kies dorso mi neniam forgesis. Tiun vintron forpasis avino kaj patro perdis sian laboron. Malfeliĉo neniam iras unuope. Mi veturis el Pekino rekte Xuzhou-on por alrapidi hejmen por la funebraĵoj kune kun patro. Kiam mi vidis patron en Xuzhou kaj la malordon en la korto, mi ekpensis pri avino kaj ne povis min deteni de larmoj. Patro diris, "Nun kiam la afero estas tiela, ne estu tiel afliktita. Feliĉe la ĉielo neniam fermos al ni ĉiujn elirejojn!"

Hejmen reveninte, patro forvendis la lombardaĵojn kaj pagis sian ŝuldon. Li ankaŭ pruntis monon bezonatan de la funebraĵoj. Tiujn tagojn la vivo en la familio estis tre malfacila, duone pro la funebraĵoj kaj duone pro la senokupeco de patro. Patro volis veturi al Nankino por serĉi laboron tie post la funebraĵoj kaj mi estis revenonta al Pekino por studado, tial ni kune ekiris.

Kiam ni atingis Nankinon, kelkaj amikoj invitis min promeni kun ili en la urbo. En la sekvanta antaŭtagmezo mi devis pramiĝi trans Jangzi Riveron al Pukou kaj veturi norden posttagmeze. Patro diris, ke li estas tro okupita, por ke li diru adiaŭ al mi en la fervoja stacidomo, sed anstataŭe, li petis kelneron, kiun li bone konas, akompani min tien. Li postulis la kelneron fojfoje, eĉ zorgeme, ke li prizorgu min, sed ĉiamaniere patro ne povis esti trankvila kaj timis, ke tio ne taŭgos. Li ja hezitis por longe. Efektive, nenio min gravis, ĉar tiun jaron mi estis jam 20-jara kaj jam plurfoje veturis inter Pekino kaj hejmloko. Patro daŭre hezitis kaj finfine decidis, ke li mem akompanu min tien. Mi plurfoje malkonsilis al li tion fari, li tamen nur diris, "Tio ne gravas. Ili ne taŭgos por tien iri!"

Transirinte la Jangzion, ni eniris en la fervojan stacidomon. Dum mi aĉetis la bileton, patro zorgis pri mia pakaĵo. Estis tro da pakaĵo, ke li devu doni al la portistoj dankmonon kaj eĉ marĉandis kun ili. Min kredante saĝa, mi ne aprobis lian manieron marĉandi, sed nepre devis intermeti miajn vortojn. Post la marĉando estis interkonsentita, patro akompanis min en la vagonon. Li elektis por mi seĝon apud la pordo. Mi pretigis la sidlokon per purpura pelta palto, kiun li petis tajloron fari por mi. Li rekomendis al mi esti singarda dumvoje kaj zorgema dumnokte por ne esti trafita de malvarmumo. Li ankaŭ petis stevardon bone prizorgi min. Mi subridis je lia pedanteco, ĉar estis tutvane konfidi min al tiuj stevardoj, kiuj zorgas nur pri mono! Krome, ĉu tiu, kiu estas samaĝa kiel mi, ne povis sin prizorgi? Ho, kiam mi ekpensas tion hodiaŭ, mi tuj konscias, kiom tromemfida mi estis tiam!

Mi diris, “Paĉjo, vi povus reiri.” Li rigardis eksteren tra la fenestro, dirante, “Mi iru aĉeti kelkajn mandarinojn. Restu ĉi tie kaj ne moviĝu ĉirkaŭen.” Mi rimarkis kelkajn vendistojn atendantajn klientojn ekster la palisaro de la platformo. Tiuj, kiuj volas atingi la platformon, devas transiri la fervojojn, saltante malsupren kaj grimpante supren. Estis certe penige por patro tion fari, ĉar li estis dika. Mi volis mem tion fari, sed li min haltigis. Tial mi povis fari nenion, ol lasi lin iri. Mi rigardis patron, kiu portas vertoĉapon, nigratolan mandarenan jakon kaj malhele bluan vatitan robon, ŝancelpaŝe iri ĝis la fervojojn. Li ne multe ĝenis malsupreniri al la fervojoj, sed pli multe ĝenis suprengrimpi sur la platformon. Li tenis la supraĵon de la platformo per siaj manoj kaj kunpremis siajn krurojn. Lia dikventra korpo kliniĝis iomete liven, evidente farante al si penegon. Ĉe la vido de lia dorso larmoj elverŝiĝis el miaj okuloj. Mi rapide ilin forviŝis, pro timo ke patro kaj aliaj tion rimarku. Kiam mi refoje rigardis eksteren tra la fenestro, patro jam revenis portante ruĝajn mandarinojn en la manoj. Kiam li transiris la fervojojn, li unue metis la mandarinojn sur la teron, lante malsuprengrimpis al la fervojoj, prenis denove la mandarinojn kaj ekiris. Kiam li alproksimiĝis al la trajno, mi rapidis por subteni lin per miaj manoj. Envagoniĝinte kun mi, li metis ĉiujn mandarinojn sur mian palton. Frapforigante la koton de sur sia vesto, li ŝajne sentis sin iom malstreĉita kaj diris poste, "Mi devas foriri do. Memoru, ke vi skribu al mi de Pekino!" Mi rigardis al lia dorso kiam li elvagoniĝis. Post kelkaj paŝoj, li sin turnis al mi kaj diris, "Reiru al via sidloko. Neniu prizorgas viajn posedaĵojn." Mi ne reiris al mia sidloko antaŭ ol lia figuro malaperis en la homamaso iranta tien kaj reen kaj ne plu videblis. Larmoj restaris en miaj okuloj.

Lastajare, patro kaj mi ambaŭ nin pelis pro peco da pano, sed la cirkonstancoj de nia familio pli kaj pli malboniĝis. Patro forlasis la hejmon por perlabori vivrimedojn en sia frua juneco kaj plenumis nemalmultajn gravajn taskojn per si mem. Kiu povus atendi, ke li fariĝis tiel deprimita en sia maljuneco! Je la eksento de sia malĝojo li nature ne povis sin regi. Lia emocio ŝtopita certe devis elverŝiĝi; tial kialis, ke mastrumaj bagateloj ofte lin koleris kaj li ne traktis min tiel bone kiel antaŭe. La disiĝo en la lastaj du jaroj pardonigis al li miajn kulpojn. Li nur pensis pri mi kaj mia filo. Post kiam mi atingis Pekinon, li sendis al mi leteron, en kiu li skribis, "Mi fartas bone krom tio, ke mia brako min severe doloras. Mi eĉ uzas manĝbastonetojn aŭ penikon kun ĝeno. Eble jam ne malproksima estas la tago kiam mi forlasos tiun mondon." Brilaj larmoj, kiujn tiuj vortoj alportis al miaj okuloj, vidigis al mi denove la dikan dorson kun blua vatita robo kaj nigratola mandarena jako. Ho, mi ne estas certa, kiam mi povus lin denove vidi!

Elĉinigis **Laoyuan**

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St.,
Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Poŝtadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm
◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_



# PENSEO

N-ro 204

okt. / 2008

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 19-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

## Paro da Moskitoj

### Qiong Yao

Nokta vualo lante falas. En herbtufoj aŭdiĝas ĉirpado de insektoj de tempo al tempo. Du moskitoj sidas sur herbero.

La virmoskito, suĉinte buŝplenon da herbsuko, puŝetas la moskitinon, kiu staras rigide pro kolero, kaj mildvoĉe persvadas, “Kara, prenu iom. La tutan tagon vi nek manĝas nek trinkas. Mi vere maltrankviliĝas…”

Ĵetinte malŝatan ekrigardon al la herbero plenaj je rosoj, li malgaje diras, “Kiel mi povus engluti tiel sengustan manĝaĵon? Vi ĉiam babilaĉadas tuttage tiamaniere, ĉu vi ne sentas enuon?”

“Ĉu vi intencas stari kontraŭ la homaro?” li maltrankvile rigardas al ŝi. “Sciu, ke la homoj jam preparas multajn ilojn por ataki nin. Tiu odoro, ekzemple, kiam mi ekflaras, mi jam sentas vertiĉon kaj doloron en la kapo. Se vi…”

“Vi estas timemulo, ĉu ne?” ŝi malvarme rigardas lin, kaj poste ŝi forflugas.

Li, kun granda maltrankvilo, rigardas la lamplumon filtrata el la fenestroj de homoj. Li scias, ke ŝi estas ene. Li ne scias, kial li havas tre malbonan antaŭsenton ĉivespere, tiel ke lia korpo nestanta sur la herbero tremetadas senĉese. Li tre volus vidi ŝin kaj vidi ŝin sekura, malgraŭ tio, ke li ne povas bridi ŝian ambicion trinki homan sangon. Li ekhavas tristan senton, ke nur tio ruinigos ilian ambaŭ.

Rosoj densiĝas. Li sentas fridon, sed ŝi ankoraŭ ne eliras.

Li pensas pri ilia antaŭa enkarniĝo. Ili ne estis moskitoj, sed pingvenoj, kiuj vivis en neĝa kaj glacia mondo kaj plezure promenis aplombe per elegantaj ĝentihomaj paŝoj.

Tiam li estis la plej bona pingveno. Li kovis profundan amon al ŝi. Kiel ĉiuj pingvenoj pretaj svatiĝi, li ŝparis nenian penon por serĉi ŝtonpecojn. Dum longa irado, li forĵetis la ŝtonpecojn unu post alia, pri kiuj li ne kontentiĝis. Finfine, post kiam li havis sangmakulitan kapon pro ripeta stumblado, li trovis unu plej fajnan kaj plej glacean ŝtonpecon. Li konsideris, ke nur ĝi decas al ŝi.

Tamen ŝi edziniĝis al alia pingveno, kiu, sekvante lin, manlevis tiujn pecojn forĵetitaj de li kaj donacis ilin al ŝi. Antaŭ ŝi amasiĝis tiuj krudaj kaj neperfektaj ŝtoneroj. Li retiriĝis kun malĝojo, sed li sekvis ŝin ĝis ĉi tiu enkarniĝo kaj volontis esti moskito, akompanante ŝin. Turmentata de korŝira atendado, li riskas sian vivon flugi en la fenestron de homa loĝanto.

Vere li vidas ŝin tie. Ŝi suĉas sur la homa brako, kun kapo kninita kaj bluetaj flugitoj leĝere tremetantaj. En paniko, li ektrovas, ke la homo, kies maldekstra brako restas senmova, ŝtele levas sian dekstran manon … “Tuj fuĝu!” li korŝire ŝrikas laŭtvoĉe, sed jam malfrue. Ŝi falas sur la teron, ŝrumpiĝinte. Li alflugas al ŝi, kaj surgenuiĝinte ĉe ŝia sangkovrita korpo, faligas pluvon da larmoj. Pene malferminte siajn okuloj, ŝi larmis kviete.

“Domaĝe, kiel domaĝe… Vi pereigas nin ambaŭ…” li provas rektigi ŝin, kies sango fluetas tra ŝia tuta korpo. “Kial vi ne sekvu mian admonon?”

“Mi scias… sed mi povas fari nenion… ĉar,

ĉar mi jam gravedas je via infano… Ĝi bezonas nutraĵon… herbsuko ne sufiĉas, mi devas suĉi sangon… Mi scias, ke mi tuj mortos, sed vi povas daŭrigi vian vivon, ĉar vi ne ofendas ilin…” Palpebruminte per mortantaj okuloj, ŝi diras ridete, “Fakte, post kiam mi naskos infanon, mi ankaŭ mortos pro troaj penoj kaj zorgoj, sed tio estas la devo de mi kiel patrino… Eĉ se miloj kaj miloj da homoj kraĉe riprocas min, mi devas provizi mian posteulon per la plej bona nutraĵo. Tio senrimedigas min.”

“Kial, kial vi ne diris al mi pri tio pli frue?”

“Mi scias, ke vi amas min. Se mi dirus al vi, vi farus tion anstataŭ mi. Do, nun estus vi, kiu estus mortonta… Mi domaĝas vin. Ho… se mi povus naski infanon por vi, mi ne bedaŭrus… Mi ŝuldis al vi dum la antaŭa enkarniĝo. Mi volas repagi al vi en ĉi tiu vivo, sed mi male pliigas ŝuldojn al vi … Dum la antaŭa enkarniĝo, ni estis pingvenoj. Efektive mi korinkliniĝis al vi de la komenco ĝis la fino, sed mi edziniĝis al li… ĉar li donacis al mi multege da ŝtonpecoj, ĉu vi sciis? Ĉar ni vivis en neĝa kaj glacia lando, se ni ne havis sufiĉe da ŝtoneroj por fari neston por kovi ovojn, niaj idoj estis frostmortigotaj en frosta mondo antaŭ ol ili elŝeliĝis… Vi donacis al mi unu pecon, ĉarman kaj kristalan, sed tio estis nur amo. Pura amo ne povas subteni la longdaŭran geedziĝon kaj plenumi la devojn al gefiloj… Mi ne edziniĝis al vi, ĉu vi malamas min?”

Li forte skuas sian kapon, plorsingulte. “Estis mia kulpo. Mi ne povis protekti vin, mi ne povis doni ĉion, kion vi bezonis, tiel ke vi multe suferis… En venonta enkarniĝo, ni fariĝu mantoj, ĉu bone? Dum nupta nokto, vi forglutos min, naskos infanon por mi…. Mi certe sentos grandan feliĉon morti en via abdomeno…”

“Ne, ne, pli bone ni estu cikadoj, ĉu? Ĉiutage ni trinkos rosojn kaj gaje kantos… Atentu, atentu…” rideto rapide elvaporiĝas el ŝia vizaĝo. Anhelante, ŝi faligas fluon da larmoj. “Tuj fuĝu. Homo venas…”

Turninte sian kapon por ĵeti ekrigardon, li montras palan kaj senpentan rideton, “Stultuleto… ni ambaŭ faru cikadoj, cu?”

Frap! Aŭdiĝas klaka sono, kune kun kontentemaj vortoj, “Hm! Alia moskitaĉo frapmortiĝas!”

Ĉe la momento, kiam li venas al morto, li firme ĉirkaŭbrakumas ŝin. Ilia sango kunfluetas kaj koaguliĝas en skarlate ruĝan larmon.

elĉinigis **Vejdo**

## Li Bai (701-762)

### *Tradukaj Variantoj de la Sama Poemo*

**Penso en kvieta nokto**

Antaŭ lito blanke brila luno floras,
Super tero kvazaŭ prujno blankkoloras.
Kaplevo: brilan lunon mi rigardas,
Kapklino: naskvilaĝon mi memoras.

trad. K. Kalocsay

**Penso en kvieta nokto**

Antaŭ la lit' scintilas pompa bel'.
Ĉu prujno sin disŝutas al la ter'?
Ha, l' Lun' al mi obstine okulumas;
ve, nostalgio en la kapo zumas!

trad. Seimin

**Penso en Silenta Nokto**

Antaŭ l' lit' la luno blanke brilas,
sur la plank' la lum' al pruj' similas.
Kapolev': la lunon mi rigardas;
Kapoklin': hejmlokon mi sopiras.

trad. Laŭlum

**Penso en kvieta nokto**

Ĉelite ludas lunbrilo.
Jen kiel prujna terkovrilo.
Mi, rigardante l' lunon helan,
Hejmsopiras sen trankvilo.

trad. Vejdo

**Nokta Penso**

—laŭ ĉinesko Sopir-al-Sudo

plenluno
prujneske brilas
kapleve mi ĝin spektas
mi al hejmlok' sopiras
vagpenso iras

adaptita de Sam

Antaŭ lito helas planko,
Kvazaŭ kuŝas prujno blanka.
Levas kapon mi al lun' admire,
Kaj... ĝin tuj mallevas hejmsopire.

trad. Kenji Ossaka

**Hejmsopiro En Nokta Kvieto**

Antaŭ lit' lun-spir',
Ĉu sur ter' prujn-ŝmir'?
Kaplev': lun-rigard';
Kapklin': hejm-sopir'.

Trad. Vadant

**Nostalgio En Nokta Kvieto**

Liten blank-radi'—
Prujno en vizi'?
Kaplev': hela lun';
Kapklin': nostalgi'.

trad. Vadant

**Nokta Penso**

La plenluna bril'
estas prujnsimil'.
Kovras klara lun'
per hejmosopir'.

trad. Vejdo



## Promenado Ĉe La Bordo De La Rivero Nevo

Fruan matenon, la trajno atingis San-Peterburgon. La ĉielo estas kovrita de nigraj nuboj, la nebulo leviĝas en spiraloj. Ĉar estas dimanĉo, troviĝas neniu sur la Nevo-strato, kiu vivoplenas tamen en ordinaraj tagoj. Ĉiu konstruaĵo sur la strato havas historion de pli ol 300 jaroj. Oni povas diri, ke San-Peterburgo estas kondensita per firma decido kaj penado de Peter-Imperiestro, kiu unukore kaj unuanime lernis de Eŭropo. La Eŭropeskaj konstruaĵoj masonitaj per ŝtonego ankoraŭ estas tiel imponaj kaj majestaj post paso de pli ol 300 jaroj. La larĝa rivero Nevo kaj ĝiaj pli ol 50 branĉoj, fluas interkruciĝante en la urba distrikto de Peterburgo, kaj pli ol 700 pontoj interligas proksimume cent insulojn sur la Delto de la rivero Nevo, formante ĉarman pejzaĝon, tiel ke la urbo Peterburgo viciĝas kiel la dua urbego de Rusio. Ankaŭ ĉar la urbo estas dense kovrita de rivervojoj, San-Peterburgo ĝuas bonan renomon kiel *la Norda Venecio*. Inter la multaj pontoj 21 malfermiĝs malrapide de la 2-a horo ĝis la 5-a horo frumatene por trapasigi vaporŝipojn. Preskaŭ en ĉiu vespero de somero ĉiam kolektiĝas multaj turistoj ĉe la bordo de la rivero por spekti malfermadon de pontoj, kaj ĉar San-Peterburgo situas sur norda latitudo 60º, post la Somera Solstico la daŭro de sunbrilado atingas 20 horojn，la lasta lumo de la subiranta suno longtempe brilas sur horizonto ; vesperkrepusko ĵus pasis, la ĉielo ankoraŭ ne malheliĝas, matenruĝo sur la tuta ĉielo rekomenciĝis，la ĵus subirinta ruĝa suno refoje leviĝas, tio estas mirindaĵo « la blanka nokto » loganta multajn turistojn. Kiam ni alvenis al San-Peterburgo, jam estis la lasta tagdeko de aŭgusto, sed ĝis la deka horo vespere, la ĉielo ankoraŭ havis lumkoloron.

La fortikaĵo Peter kaj Paŭlo ĉe la bordo de la rivero Nevo estas fonto de la urbo San-Peterburgo, la fortikaĵo tenas elfluejon de la rivero Nevo ĉe la Balta Maro. La Sonorilturo de la preĝejo Peter-Paŭlo alte staras ĝis la nuboj, en kiu metiĝas la ĉerko de

imperiestro Peter kaj imperiestredzino. La Vintra Palaco, fame konata tra tuta mondo, estas helblua, tri-etaĝa konstruaĵo el ŝtono, kiu alte staras ĉe la bordo de la rivero Nevo kiel giganda kvardrata korto kun domoj ĉirkaŭ si. La Vintra Palaco nun estas nomata Ermitash-muzeo, en kiu ekspoziciiĝas multaj famaj pentraĵoj, kiujn imperiestro Peter, Ekaterina II kaj aliaj rusaj imperiestroj aĉetis de Eŭropo. Ni konsumis du horojn por vidi kaj apreci kreaĵojn de grandaj majstroj: Rafaelo, da Vinci, Rembrandt, Cezanne, Picasso ktp. Krozoŝipo Aŭrora estas senmove ankrita ĉe la rando de la rivero. Nevo Rememoro pri la jaro 1917, signalobuso pafinta per artilerio sur la krozoŝipo skuis la mondon, ŝanĝis Rusion, ankaŭ influis ĉinan direkton de disvolvo.

La Somera Palaco estis loĝloko de imperiestro Peter en somero. La palaco, kun areo de 800 hektaroj, situas en arbaro ĉe la Finnlanda Golfo je 29 kilometroj for de la urba distrikto de Peterburgo. En 1710 imperiestro Peter, sorĉite de la ĉarma pejzaĝo, konstruigis la palacon tie. La konstruaĵo aspektas pompa kaj grandioza, ĝi estis nomita kiel *Rusa Versajla Palaco.* Antaŭ la granda palaco, kun orumita globo, estas etendaĵo da ŝprucfontaro kiel akvofalo, tie estas 37 oraj statuoj kaj 64 ŝprucfontoj, la plej granda inter ili elŝprucas akvon en la aeron el la buŝo de la leono, kaj la akvokolono atingas la alton de 22 metroj. Tie oni povas kaj rigardi foren al la granda maro kaj loki sin en la mezo de la arbaro, tie vere estas bona loko por somerumi, oni estas devigita admiri la apreckapablon kaj antaŭvidon kaj sagacecon. La konstruado de tiuj ĉi konstruaĵoj, kiuj trapasis pli ol 300 jarojn, estis plenumita ekde la komenco severa laŭ la normoj de senkompara beleco, eleganta artogusto kaj tiel bona kvalito, kiu garantios pri daŭreco longa je generacioj. Sen imperiestro Peter ne ekzistus hodiaŭa San-Peterburgo. El tio oni povas vidi, kiel grava pri sia popolo estas, ĉu gvidanto havas longan vidon.

La urbo Puŝkin, la fama parko, situas en la antaŭurbo de San-Peterburgo, kaj origine nomiĝis la Vilaĝo Caro. En 1937 oni alinomis ĝin la urbon Puŝkin.

En 1811 Puŝkin eniris en la mezlernejon de la Vilaĝo Caro por fari studadon, kaj tie postlasis piedsignojn de la vivo de la poeto. En la parko estas Ekaterina-Palaco brilanta per verda kaj ora kolonoj, kiu konstruiĝis en la 50-a jardeko de la 18-a jarcento, kun baroka arkitekturstilo. Ĝi estas la palaco, kiun imperiestro Peter konstruigis al sia filino, imperiestrino Elizabeta. Helbrua ekstermuro, grandioza impeto, dika kaj peza stilo, lasas nin ankoraŭfoje admire ekkrii por la kreaĵo de famkonata imperiestro Peter. Estas imageble, ke Peterburgo en la 18-19-a jarcento vere estis sonĝsimilaj bonaj momentoj por rusa nobelaro. Tiam imperiestro Peter tutkore kaj tutanime lernis de Eŭropo, komplete enkondukis kaj iniciatis kun granda sindediĉo eŭropajn civilizaciojn, kaj eksplodigis krean inspiron de rusaj kulturantoj, kaj grandnombre aperigis grupon da grandaj verkistoj, grandaj kleruloj kaj grandaj muzikistoj: Puŝkin, Lomonosov, Tchikovski, Glinka kaj Dostoevski ktp. Tio vere estas fazo da oraj jaroj de San-Peterburgo!

elĉinigis Lin Leming

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_
Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St.,
Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Poŝtadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm
◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_



# PENSEO

*N-ro 205*

*nov. / 2008*

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 19-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm

## Rimgratulo

Merita Mine Yositaka,
laboras ĉiam kun fidelo,
vere imitinda modelo,
penadas en kamp' diversfaka.
Citadele en Toyonaka,
deĵoras por nia sanktcelo.
Merita Mine Yositaka,
laboras ĉiam kun fidelo.
Persistas sur vojo verdtraka,
firme al pli alta nivelo.
Brilas en JEK la stelo,
inda je premio Ossaka,
Merita Mine Yositaka!



*sincere gratulas* **Guozhu**
2008-10-11 Ĉinio

## LA LASTA LECIONO

**Rakonto de Alsaca infano**
**Verkita de Alphonse Daudet**

Ĉi-matene, mi estis tro malfrue por iri al lernejo. Mi tre timis, ke mi estas skoldota, precipe ĉar s-ro Hamel avertis al ni, ke li donos al ni teston pri la regulo de participoj, sed mi ne sciis eĉ la unuan vorton. Dum mallonga momento en mia cerbo fontis ideo pri foresto de klaso kaj kurado al kampo.

La vetero estis tiel varma, tiel klara!

Mi aŭdis korvojn ĉirpadi ĉe la rando de arbaro, kaj sur la herbejo Rippert, prusaj soldatoj faris ekzercojn post la segejo. Ĉio ĉi tio min tentis pli ol la regulo de participoj; sed mi havis forton por regi min, kaj mi kuris tre rapide al la lernejo.

Pasante preter la vilaĝa administracio, mi vidis, ke multaj legis antaŭ afiŝtabulo. De du jaroj, ĉiuj malbonaj informoj, kiaj la bataloj perditaj, rekvizicioj, ordonoj de la komandejo de prusa okuparmeo, venis de tie. Mi pensis kurante:

"Kia afero okazas denove?"

Tiam, kiam mi kure trapasis la placon, forĝisto Wachter, kiu, kune kun sia metilernanto, legis la algluitan anoncon, kriis al mi:

"Ne tiel rapidu, etulo. Hodiaŭ vi ne malfruos por viziti la lernejon, eĉ se vi tro tardas!"

Mi opiniis, ke li min mokis, kaj mi senspire eniris en la korteton de s-ro Hamel.

Ordinare, je la komenco de la lecionoj, bruan sonon oni povis aŭdi sur strato: iuj pupitroj estis malfermitaj, la aliaj estis fermitaj, ĉiuj kune laŭte recitis tekston ŝtopante al si la orelojn por pli bone lerni, kaj la dika punvergo de instruisto frapiĝis sur la pupitroj:

"Iom kvietu!"

Mi volus kapti la bruan okazon por nerimarkite ŝteliri al mia sidloko. Tamen ĝuste en ĉi tiu tago ĉio estis tiel trankvila, kiel en mateno de dimanĉo. Rigardante internen tra la fenestro malfermita, mi vidis, ke miaj kunlernantoj jam bonorde sidis sur siaj sidlokoj, kaj s-ro Hamel paŝadis tien kaj reen kun la timiga punvergo el fero sub la brako. Mi estis devigita puŝmalfermi pordon kaj

eniris en silento. Vi povas imagi, kiel mi teniĝis kun ruĝiĝinta vizaĝo kaj kun granda timo!

Sed, ne. S-ro Hamel senkolere rigardis al mi kaj tre milde diris al mi:

“Rapide sidiĝu sur via sidloko, mia eta Frantz. Ni komencos, se vi ne tuj venos.”

Mi transpaŝis benkon kaj mi tuj sidiĝis antaŭ mia pupitro. Nur tiam, mi min kvietigis el timego, kaj mi rimarkis, ke nia instruisto surhavas siajn belan verdan redingoton, papilikravaton falditan tre delikate sur la kolumo de sia vesto kaj brodan kaloton de nigra silko sur sia kapo — ĉi tiun kompleton de luksaj kostumoj li surportis nur kiam inspektoro alvenis al la lernejo por fari inspekton aŭ la lernejo disdonis premiojn. Krome, en la tuta klasĉambro regis ia eksterordinara kaj solena atmosfero. Sed la plej surpriziga al mi estis, ke mi vidis, ĉe malantaŭo de la klasĉambro, sur la benkoj kiuj ordinare ĉiam estis malplenaj, sidas vilaĝanoj, silentaj kiel ni, inter kiuj estis maljunulo Hauser kun trikorna ĉapelo, eksvilaĝestro, eksleterportisto kaj aliaj. Ili ĉiuj aspektis triste; kaj Hauser alportis malnovan eluzitan alfabetlibron, kiun li sternis sur siaj genuoj, kaj sur kiu liaj okulvitregoj horizontale estis metita.

Dum mi dronis en surprizo pri ĉi ĉio, s-ro Hamel suriris sur la podion, kaj per milda kaj gravtona voĉo per kiu li ĵus parolis kun mi, diris al ni:

“Miaj infanoj, tiu ĉi estas la lasta fojo, ke mi donas al vi lecionon. La ordono venis de Berlin: nur germana lingvo instruiĝos en la lernejoj de Alsace kaj Lorraine … Nova instruistoj alvenos morgaŭ. Hodiaŭ tiu ĉi estas via lasta leciono de la franca lingvo. Mi petas, ke vi atente aŭskultu al mi.”

Tiuj vortoj frapis mi kiel tondro el serena ĉielo. Ha! Jen estas la avizo, kiun tiuj fiuloj gluis sur la afiŝtabulon de la vilaĝa administracio.

Mia lasta leciono de la franca lingvo! … Kaj mi komencas lerni skribadon! Mi do ne povas plu lerni la francan lingvon! La lecionoj de la franca lingvo ĉesiĝas ĉi tie! Kiel mi pentas pri la malŜparita tempo! Kiel mi pentas, ke mi prenis birdidojn el la nesto kaj sketi sur la Saar dum lecionoj! Miaj lernlibroj kiaj gramatika, sankta historia, kiujn mi ĵus trovis tedaj kaj pezaj en tornistro sur mia dorso, nun ŝajnas al mi neapartigeblaj malnovaj amikoj. S-ro Hamel ankaŭ sentas la samon, mi pensis. Li tre baldaŭ forlasos, kaj mi ne povos vidi lin plu, kio faris min forgesi la punojn, la batojn de punvergo.

Povra homo!

Li surportis la belan kostumon ĝuste por celebri ĉi tiun lastan lecionon. Kaj nun mi komprenis, kial tiuj maljunuloj de la vilaĝo sidiĝis ĉe la malantaŭo de la klasĉambro. Tio ŝajnis al mi, ke ili sentis rimorson pri ne frekventado al la lernejo en la pasinteco, kaj ke ili volas, per tiu maniero, danki al instruisto pro ties 40-jara servado kaj esprimi respekton al tuj perdota teritorio …

Mi profundiĝis en pensoj, kiam mi aŭdis mian nomon vokata. Estis mia vico reciti. Se mi povus per unu spiro elreciti senerare ĉi tiun regulon de participo de komenco ĝis la fino, tre laŭte kaj tre klare, mi estus preta doni kian ajn prezon. Sed mi konfuziĝis pri la unuj vortoj, kaj mi staris skuante jen dekstren jen maldekstren antaŭ mia benko. Kun afliktita koro, mi ne kuraĝis levi la kapon. Tiam mi aŭdis s-ron Hamel alparolis al mi:

“Mi ne riproĉas vin, mia eta Frantz. Povas esti, ke vi jam estis sufiĉe punita … tia estas l’afero. Oni ĉiutage diras al si: ‘Ba! Ni havas abundan tempon. Mi lernos morgaŭ.’ Nun vi vidas, kio okazas … Ha! La plej granda malfeliĉo por ni Alsace-anoj estas prokrasti edukadon ĝis morgaŭ. Nun ĉi tiuj homoj rajtas diri al ni: Kiel! Vi pretendis esti francoj, sed vi scipovis nek paroli nek skribis vian lingvon!’ Pri ĉi ĉio, mia povra

Frantz, vi ne estas multe kulpa. Ni ĉiuj havas multon riproĉindan.

"Viaj gepatroj ne penas klerigi vin en lernejo. Ili preferis vin sendi al kampo aŭ kotona ŝpinejo por perlabori pli multe da suoj. Miaparte, ĉu mi havas nenion riproĉindan? Ĉu mi ne ofte lasis vin aspergi mian ĝardenon anstataŭ fari viajn taskojn? Kiam mi volis hokfiŝi trutojn, ĉu mi ne donis feriojn al vi? …"

Tiam de unu afero al l'alia, s-ro Hamel plue turnis sian temon al franclingvo. Li diris, ke la franca lingvo estas la plej bela, la plej klara kaj la plej rigora lingvo en la mondo, kaj ke oni devas ĝin gardi kaj ĝin neniam forgesis, ĉar, kiam unu nacio estas reduktita al sklaveco, se nur ĝi bone tenas sian lingvon, ĝi kvazaŭposedas la ŝlosilon de prizono… Poste li prenis libron pri gramatiko kaj al ni voĉlegis nian tekston de leciono. Je mia miro, mi komprenis ĝin tiel klare. Ĉio, kion li eksplikis, ŝajnis al mi tre facila, tre facila. Mi ankaŭ sentis, ke mi neniam aŭskultis tiel atente, nek li eksplikis tiel pacience. Oni povis tute simple diri, ke ĉi tiu povra homo volis instrui al ni siajn tutajn sciojn antaŭ ol li foriris, kaj enbatis la sciojn eniri en nian kapon.

Oni pasis tuj al ekzercado de skribado kiam la gramatika leciono finiĝis. Por ĉi tiu tago, s-ro Hamel preparis por ni tute novajn kartojn de skribomodeloj, sur kiuj skribiĝis per bela ronda tipo de manskribo: "**Francio, Alsace, Francio, Alsace**". Ili pendis sur la metala stango de niaj pupitroj, kvazaŭ ĉie flirtus naciaj flagetoj en la klasĉambro. Rimarkinde estis, ke ĉiuj estis tiel absorbitaj en la absolute silenta klasĉambro! Aŭdiĝis nenia sono krom susurado de plumoj sur la papero. Iafoje kelkaj majskaraboj enflugis, sed al ili direktis atenton neniu, inklkuzive de tiuj plej junaj lernantoj, kiuj ankaŭ atente desegnis "rektajn bastonojn" serioze, kvazaŭ tio estis ankoraŭ francaj vortoj … Sur la tegmento de la lernejo kolomboj kveris per malalta voĉo, kaj mi pensis aŭskultante:

"Oni ne povus devigi ilin kanti en la germana lingvo, ĉu?"

Levante de tempo al tempo okulojn de sur mia paĝo, mi vidis, ke s-ro Hamel sidas senmove sur podio kaj fikse rigardas objektojn ĉirkaŭ li, kvazaŭ li volus engluti ĉion en la klasĉambro per sia rigardo kaj forporti … Pensu! Dum la lastaj kvardek jaroj, li restis ĉiam ĉe tiu ĉi loko, prigardis la korton transan kaj neŝanĝiĝinta klasĉambron. Nur benkoj kaj pupitroj estis glatigita pro longtempa uzado, juglandarboj en la korto jam kreskis alta, la lupoloj, kiujn li mem plantis, nun plene kovris la fenestrojn kaj grimpis ĝis la tegmento. Kiel korŝira afero tio estas por ĉi tiu povra homo, kiu aŭdis, ke lia fratineto iris tien reen por pretigi pakaĵojn en la ĉambro de la supra etaĝo, kaj kiu pensis, ke li tuj diros adiaŭ al ĉio antaŭ liaj okuloj! Ĉar ili estis ekirontaj la sekvantan tagon, kaj forlasontaj por ĉiam de tiu ĉi loko.




Li tamen ankoraŭ havis kuraĝon doni al ni lecionon ĝis la fino. Post leciono de manskriba modelo, ni plue aŭskultis lecionon de historio, kaj post tio gelernantetoj de la legsciiga kurso kantis ĥore literume "BA BE BI BO BU". Ĉe malantaŭo de la klasĉambro, la maljuna Hauser portis okulvitrojn kaj tenis dumane alfabetumon, kaj literumis kun ni literojn. Ankaŭ li koncentris sin same kiel ni. Lia voĉo, tremanta de emocio, sonis tiel burleske, ke ni ĉiuj volus kaj ridi kaj plori. Ha! mi memoros por ĉiam pri ĉi tiu lasta leciono …

Subite la horloĝo de la preĝejo batis la dekduan tagmezon, poste anĝeluso ankaŭ

sonis. En la sama tempo, abrupte sonis klariono por prusaj trupoj reveni el ekzercado ekster niaj fenestroj … s-ro Hamel stariĝis sur la podio, kun pala vizaĝkoloro. Li neniam aperies tiom alta kaj granda en miaj okuloj.

"Miaj amikoj," li diris, "miaj amikoj, mi … mi …"

Sed ŝajnis, ke io sufokis lin. Li ne povis fini sian parolon.

Tiam li turnis sin al la nigra tabulo, prenis kreton, kaj uzante sian tutan forton, li skribis kiel eble plej grande:

"Vivu Francio!"

Poste li restis tie kun sia kapo apogita kontraŭ la muro, kaj sen paroli, nur faris al ni signon per mano:

"La leciono estas finita … vi forlasu."

Esperantigita de **Lin Leming**

# Ĉineske

Lily

## Printempa sopiro

——laŭ ĉinesko Busuanzi*

el printempa sonĝ'
de ĝua amor'
mi kun malseka subo
sobris en langvor'

la ensonĝa hom'
kun penetra bor'
neviŝeblas neniam
el mia memor'

** Busuanzi: ĉina fiksforma poemo el du strofoj po kvar versoj de 55,75 silaboj laŭ rimarango xa,xa (x=senrima)*

## La Prelud' Koita

——laŭ ĉinesko Fengrusong*

en amorludo lita
li malrapida
reagas je l' avido
seksĝua
ekscitita
unue li suĉas
per buŝo vizita

de mamo iras glita
la buŝ' incita
ĝis mia suba truo
suĉ! suĉ! ekmov' subita
kirlas lango supla jen
la prelud' koita

**Fengrusong: ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 7 kaj 6 versoj respektive de 7,5,734,66 / 7,5,77,66 silaboj laŭ riimarango a,axxa,xa / a,a,xa,xa (x=senrima)*

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St.,
Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Poŝtadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

# PENSEO

N-ro 206

dec. / 2008

Monata Beletra Revueto en Esperanto

Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 la 19-a jaro http://www.elerno.cn/penseo/penlisto.htm


## Vejdo

# Flirtanta Verda Flago

**Okaze de Z-Festo 2008**

—laŭ ĉinesko Shuidiaogetou

jam ne en sonĝo
nia afero
koketis pompe per
bela ekstero
verda flago flirtas
impone inspire
jen kun espero
kaj kuraĝigo
sur vasta tero

jam tempo
alvenas
en vero
por atingi
la celon de prospero
la tutmond-verdiga
de majstro Zamehof
nun kun fiero
antaŭen marŝu
trans bariero

# Kelkaj Ĉineskaj Poemoj de Maŭ Zedong

## Maŭ Zedong (1893-1976)

### Neĝo

—laŭ ĉinesko Qinyuanchun*

En nordlando
neĝas vaste
ŝlosas glaci'.
Cis kaj trans Mureg'
kovras blanko.
Haltas torent'
sen energi'.
Montserpentoj
elefantoj
vaksaj altas kun pasi'.
Sub sunlum'
ĉi' en ruĝa vest'
ĉarmas des pli.

Antaŭ pejzaĝmagi'
bravuloj
falus kun vekri';
imperiestroj
hontus en stil'
aŭ lamentus
pri verk-graci';
kaj fiera
Ĉengis-Ĥano
nur lertus en pafmeti'.
Ĉiuj for!
Veraj herooj
nun inter ni.

**Qinyuachun: ĉina fiskforma poemo el du strofoj kun12 kaj 13 versoj respektive de 444, 5444,447,354 / 6,35,5444,447,354 silaboj laŭ rimarango xxa,xxxa, xxa ,xxa / a,xa,xxxa,xxa, xxa (x=senrima)*



# Tri Poemetoj

—laŭ ĉinesko Dekses-Silabo*

Mont'
rajdvipas mi kun volont'.
Kapturne,
jam ĝis ĉielfront'.

Mont'
kiel ruliĝanta ond',
impetas
en batala rond'.

Mont'
enpikas en horizont',
jen kvazaŭ
volb-subtenanta fond'

**Dekses-Silabo: Ĉina fiksforma poemo el 4 kvar versoj de 1,7,35 silaboj laŭ rimarangĝo aaxa (x= senrima)*

## Changsha

—laŭ ĉinesko Qinyuanchun*

en aŭtunfrost'

ĉe insulet'

alnorda flu'

ruĝe farbitaj

dekmil montoj

jada river'

veloj sur blu'

agloj ŝvebas

fiŝoj naĝas

jen strebe al liberĝu'

en vastaĵ'

kiu ja regas

jen mia ĉu'

ope por rendevu'

ni venis

en temposinu'

ni kunlernantoj

junaj, vervaj

seriozaj

sen ambigu'

kaj kritikis

kaj komentis

pri ranguloj de enu'

en memor'

ni naĝe pelis

barkojn per sku'

***Qinyuachun: ĉina fiskforma poemo el du strofoj kun12 kaj 13 versoj respektive de 444, 5444,447,354 / 6,35,5444,447,354 silaboj laŭ rimarangĝo xxa,xxxa, xxa ,xxa / a,xa,xxxa,xxa, xxa (x=senrima)*

## Umefloro

—laŭ ĉinesko Busuanzi*

Printemp' alvenas

Kun neĝ' leĝera

En glacio gracilas

vi flor' fiera.

Ne vete pompas

herold' vi vera.

Ĝis montfloroj buntas, vi

ridas espera.

*Busuanzi: ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 4 versoj de 55,75 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xa (x = senrima)

## Dabodi

—laŭ ĉinesko Pusaman*

l' arkon buntan de ĉiel'
kiu svingadas por bel'?
sub postpluva sun'
montoj verdas en kun'

batal' en vilaĝ'
kugl-trua pejzaĝ'
monton ornamas
ĝi des pli ĉarmas

*Pusaman: ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 4 versoj de 77,55 / 55,55 laŭ para rimo.

# Zhuang Qixiong



## Maŭ Zedong

I.

—laŭ ĉinesko Chaozhongcuo*

Kun grandioza stilo
kaj sankta brilo
Vi skribis poemojn
per ritma fusilo

Dekmil lia
Longa Marŝo—
dolĉa trilo
Montoj kaj riveroj
kantis de jubilo.

*Chaozhongcuo: ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 4 kaj 5 versoj respektive de 7,5,66 / 444,66 laŭ rimaranĝo aaxa / xxaxa (x = senrima)

II.

—laŭ ĉinesko Taoyuan Yiguren*

Kun strategiista ŝtal'
mediti pri batal';
Sur dorso de eval'
marŝi en rival'.

Bonodori flav-petal'
kun aparta signal',
kiel sanga sunfal'—
plej bela regal'.

*Taoyuan Yiguren: Ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 4 versoj de 7665 silaboj laŭ rimaranĝo aaaa

III.

—laŭ ĉinesko Dielianhua*

Vi iam fumis ĝoje
kaj rigardis
supren levkape
al anser' sovaĝa tre
suden kun brila ide'.

Sed torentis rivere
en vasta mens'
kiel nova kre'.
ŝtorm' sin levu subite.
por ver-heroa trofe'!

*Dianlianhua: ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 5 versoj de 7,45,7,7 silaboj laŭ rimaranĝo axaaa (x=senrima)

IV.

—laŭ ĉinesko Shanhuazi*

Vi en neĝa vilaĝo
al nord-landa pejzaĝo
senbride revis pri la
vojaĝo.

Pensoj flirtis en ĉiel'
kun poezia saĝo
per genimilitista

kuraĝo.

*Shanhuazi: ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 4 versoj de 7,7,73 / 77,73 silaboj laŭ rimaranĝo aaxa / xaxa (x=senrima)*

V.

—laŭ ĉinesko Renyueyuan*

Por instigi junulojn
pri mensa konstru'
Vi sentime
frapis akvon
en la mezflu'.

Pene provi
sin en ondoj--
plej bona ĝu';
Brave krei
nov-ĉielon—
vera instru'!

*Renyueyuan: ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 5 kaj 6 versoj respektive de 75, 444 / 444,444 silaboj laŭ rimaranĝo xa,xxa / xxa,xxa*

VI.

—laŭ ĉinesko Haoshijin*

Vi ŝparis tempon
eĉ nur unu moment'.
Vi verkis poemojn
kiel monument'.

Vi kreis novan vojon
en duonjarcent'.
Vi paŭsis grand-planon
per zorga ferment'.

*Haoshijin: ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 4 versoj de 56,65 / 75,65 silaboj laŭ rimaranĝo xaxa / xaxa (x=senrima)*

VII.

—laŭ ĉinesko Xiechichun*

Vi prosperis
per poeta inspir'
en kanjon'
de antaŭdir'
pri glata lag'
ĝis Diina mir'
kun nobla,
granda aspir'.

Romantika,
magia pionir'
restis en
nia sopir'.
Sentima bel'—
sento de akir'.
Plezuroj—
ne plu vespir'!

*Xiechichun: ĉina fiksforma poemo el du strofoj po 8 versoj de 46,34,45,34 silaboj laŭ rimaranĝo xa, xa, xa,xa (x=senrima)*

VIII.

—laŭ ĉinesko Heshengchao*

Vi deklamis en silent',
kun plena talent',
la frazon sur pordego
per kora torent'.

Ni stariĝis
pro eminent'.
La glora moment'
sonoris kaj brilis al
monda orient'!

*Heshengchao: ĉina fiksforma poemo el du strofoj kun 4 kaj 5 versoj respektive de 7,5,75 / 44,5,75 silaboj laŭrimaranĝo aaxa / xaaxa (x=senrima)*

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de ***Penseo***
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: No.-3-2 de la 5-a etaĝdomo
de No. 19, Wujiang St.,
Jiangbei Distrikto,
Chongqing, 400020, Ĉinio
Tel: (023) 67095890 (hejme)
Poŝtadreso: vejdo@163.com
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.
Por legi pasintajn numerojn de Penseo, vin turnu al www.elerno.cn/penlisto.htm

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_